IXa jaro. No 144 (8) ☆ Duonmonata ☆ 5 Majo 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . . 2.50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## La moralaj kaŭzoj de la militoj

II

La personoj, kiuj atentis la lastjaran movadon por la paco, observis tre kuriozan ŝanĝon ĉe ĝiaj kontraŭuloj. Tiuj ĉi konstante aliigis sian argumentadon. Ĝis la lastaj tagoj, oni riproĉis al la pacamikoj, ke ili estas utopiuloj kaj sentimentaluloj, forgesantaj la senkompatajn necesajojn, kiuj sin trudas en mondo, kie regas la leĝo de la pli forta. Oni asertis, ke kiel ajn nobla estas la idealo de l'paco, ĝia realigo estos ĉiam malhelpata de la malbonaj pasioj kaj de la avideco de l'homoj. Tiu vidpunkto, ĝis la lasta tempo, estis la ĉefa argumento de tiuj, kiuj defendis la militon kiel nepran konsekvencon de la porviva batalo.

Sed poste oni defendis la militon per tute malsamaj argumentoj. La paco, oni diris, estas eble konforma al la materiaj interesoj de la homaro, sed la *morala* intereso de l'homoj ĉiam malhelpos ĝian efektivigon. Malakceptinte la pacifismon pro ĝia idealeco kaj sentimentaleco, oni ĝin hodiaŭ kondamnas pro ĝia „malalta materialismo".

Atentigante pri tiu taktikŝanĝo, mi ne celas la infanan plezuron moketi miajn kontraŭulojn. Mi, kontraŭe, cedas belan parton al tiuj, kiuj asertas, ke al la milito moralaj motivoj instigas la homon. Mi neniam asertis, ke la militamiko estas morale malsupera ol la pacamiko, nek eĉ ke oni devas speciale atentigi pri la morala supereco de la pacidealo. Tro ofte pacamikoj asertis, ke por forigi la internaciajn malkonsentojn sufiĉus pli bona tono kaj pli bona sintenado. Tiel parolante ili malatentis tiun esencan fakton, ke la morala sento, kiu instigas la homon kontraŭ la milito povas esti kompensata de alia morala sento, la patriotismo. La patrioto konsentas, ke la milito alportas suferojn, sed li asertas, ke la homoj devas esti pretaj morti por sia patrujo. Tial la porpaca pledo ofte malsukcesis, ĉar ĝi bazis sur motivo, kiun militamiko ankaŭ povas akcepti. Li, kiel la pacamiko, povas diri sin preta suferi kaj peni por la homaro.

La militamikoj estis devigitaj, eble senkonscie, ŝanĝi sian argumentadon sendube tial, ke la lastgeneraciaj okazintajoj montris, ke el la ekonomia vidpunkto la milito estas nedefendebla. Mi ne penas montri, ke la ideo defendi la militon je la morala vidpunkto estas nova — tion pruvas la argumentoj cititaj en la lasta artikolo — sed mi nur volas montri, ke la morala argumento fariĝis la ĉefa bazo de la pormilitaj pledoj.

En 1912 admiralo Mahn jene kritikis mian verkon *(La Granda Iluzio)*:

„La armadoj ne celas nur certigi ekonomian profiton al la Ŝtato, ĉu por senigi la najbaron je ĝia propraĵo, ĉu por sin defendi kontraŭ ĝia atako. . . . La fundamenta ideo de la libro estas eraro. La nacioj neniel iluzias pri la fakto, ke per si mem la milito estas fonto de profitoj. . . . La vidpunkto de la aŭtoro estas tute erara, ĉar ĝi bazas sur plena nescio de la homaj motivoj. Kredi, ke la mondon regas nur la persona intereso, estas vivi en fantazia mondo, kiu obeus al idealo cetere tre malsupera ol tiu, kiu obstine direktas la nunan ‚Homaron'."

Nu, tiu sama admiralo Mahn antaŭ kvar jaroj jene difinis la principojn de la internacia politiko.

„. . . Estas iluzio atendi de la nacioj kontinuan politikon por alia celo krom ilia propra intereso. Sub la nomo realismo, tiun politikon sekvas la germana registaro. El tio rezultas, ke la studo de la interesoj estas, por la politikisto, la sola formo de la saĝeco kaj de la prudento.

Ĉiam vivas la malnova rabema instinkto, kiu puŝas vin preni ĉion, kion oni povas preni . . . kaj la morala forto ne sufiĉas por

certigi rezultaton sen la helpo de la fizika forto. La registaroj reprezentas sociajn anarojn, kaj tiuj anaroj ne havas animon . . . ili do devas antaŭ ĉio celi la intereson de tiuj, kiujn ili reprezentas, la intereson de sia propra popolo. La superemo devigas nacion serĉi vendejojn, kaj, kie ĝi povas certigi al si la efektivan kontrolon de tiuj vendejoj per la forto, t. e. entute, ilin konkerante . . . Estas do sinsekvaj ĉeneroj en la ĉeno de la logikaj konsekvencoj de la politiko: la industrio postulas vendejojn, la vendejoj postulas kontrolon, la kontrolo trudas armadojn."

Estas vero, ke admiralo Mahn antaŭvidas la kritikon, atentigante pri la komplikeco de la homo. „La bronzo, li diras, estas nur miksaĵo de kupro kaj stano." Sed li tute flanke lasas tiun fakton, ke forigi la kupron aŭ la stanon estas forigi la bronzon mem. Mi neniam asertis, ke la tuta internacia politiko estas klarigebla per unika motivo, sed mi ĉiam diris, ke se unu el la ĉefefikaj motivoj de la politiko oni povas plene ŝanĝi, oni per tio komplete modifos la strukturon kaj karakteron de la internaciaj rilatoj. Sekve, eĉ se la tezo kiun mi subtenas, nome ke la milito estas neutila el ekonomia vidpunkto, havus tian materian karakteron, kiel asertas la kritiko, ĝi tamen havus profundan influon je la problemoj de la internacia politiko. Nu, inter la demandoj pri materia intereso kaj la demandoj pri rajto aŭ moraleco, ne ekzistas tia tranĉa diferenco, kiel asertas admiralo Mahn, ĉar la rajto kaj la moraleco implicite celas al la protektado kaj konservado de la ĝenerala intereso.

Oni diras al ni, ke popolo obeas al principoj pli altaj ol la persona intereso. Sed kio kaŝiĝas sub tiu esprimo „monriĉaĵo de iu popolo" aŭ „persona intereso de iu nacio"? La monriĉaĵo de popolo kaj la intereso de nacio havas ian sencon nur ĉar ili celas la plibonigon de la ĝeneralaj vivkondiĉoj de la popolamaso, vivojn pli utilajn, malpligrandiĝon de la malriĉeco kaj duonmizero, t. e. ĉar ili celas ne nur al tio, ke milmiloj da homoj estu pli bone loĝigataj, pli bone vestataj kaj pli bone nutrataj, kapablaj ŝpari por la malfavoraj tagoj, havi pli feliĉan vivon, k. t. p., sed ankaŭ al tio, ke ili estu pli bone edukataj, ke ilia laboro estu regula, ke ilia libera tempo estu taŭge uzata, ke la ĝenerala atmosfero de la socio favoru la familiajn inklinojn, nasku kutimojn de ĝentileco kaj eĉ de eleganteco ne nur ĉe eminentuloj, sed ĉe la pli granda parto de la popolo.

Ĉu tio ne estas sufiĉe alta celo de la nacia politiko? Kaj tamen la efektivigo de tiu celo dependas de ekonomiaj kaj monaj demandoj. Ĉu oni kuraĝas aserti, ke tiuj gravaj movadoj, kiel la socialismo, la sindikatismo, la organizo de la asekuroj, la pensioj por la maljunuloj, la edukaj helpenteprenoj, kvankam tre ligataj al ekonomiaj demandoj, ne estas indaj okupi la homaron?

En la sekvantaj linioj mi penos montri, ke la grandaj movadoj, kiuj manifestiĝis en la estinteco, el kiaj naskiĝis la Kruciroj, la prireligiaj militoj kaj ĉiuj nun svenantaj tradicioj perdis sian forton kaj ne plu naskos grandajn sociajn aŭ internaciajn konfliktojn. Mi provos montri, dank'al kia evolucio la diferenco inter la materia intereso kaj la morala intereso malgrandiĝas laŭ tio, ke ŝanĝiĝas la idealo de la homaro. La idealo de la primitivaj tempoj, ĉu en politiko, ĉu en religio, malatentis ĉian priokupon je la ĝenerala intereso. Je tiu epoko, la politika idealo limiĝis je netuŝebla fideleco al dinastio aŭ al ĉefo. Poste, por esti obeata tiu ĉefo devis iel reprezenti la ĝeneralan intereson. Pli malfrue, la ĝenerala intereso fariĝis la ĉefa celo. La socio komprenis, ke anstataŭ celi la protektadon de la personaj interesoj de iu ĉefo, ĝi celas la protektadon de siaj propraj interesoj. La altruismo de la socio fariĝis do persona intereso, en la bona senco; la oferon de la socio por si mem oni ja ne plu povas nomi ofero. Simila evolucio aperis en la religia fako. Komence, la religia idealo estis sendependa je ĉiu priokupo je materia prospereco. La primitiva kristano opiniis virto la praktikadon de senfrukta asketismo. Sed kun la progresado de la Kristanismo, oni ĉesis ŝati la meriton de la oferoj, kiuj neniel helpas al la plibonigo de la homa gento. Nia admirado nuntempe iras ne al la solulo, kiu nenion faras por siaj kunhomoj, sed al la pastro, kiu oferas sian vivon por briligi radion de feliĉeco en leprulejo. La sanktulo, kiu lasas kreski siajn ungojn tra siaj eterne fermataj manplatoj, ne ekscitas nian admiron, sed nian indignon. Pli kaj pli la religia idealo submetiĝas al la jena kriterio: ĉu ĝi celas la progreson de la socio? Se ne, oni kondamnas ĝin. La politika idealo ankaŭ pli kaj pli devos konformiĝi al tiu idealo.[1]

*(Daŭrigota).* Laŭ *Norman Angell.*
Trad. *A. R.*


# SOCIA VIVO


## Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

V

La belegeco de praarbaro, la pli malmilda beleco de senfrukta marbordo, la pentrindeco de amerika urbo starigita en kelkaj jaroj, aŭ de urbo loĝata de Indianoj, estas spektakloj sinsekve kortuŝaj aŭ kuriozaj; sed oni sentas pli intelektajn voluptojn en la ĉefurbo de Peruo. Lima estas kvazaŭ sankta urbo kun siaj tri cent preĝejoj kaj monaĥejoj; ĝi precipe estas historia urbo. Centro de la hispana superregado, ĝi estis la koro de ĉiuj kolonioj. La aliaj hispanamerikaj urboj altiris precipe negocistojn; la kortego de la Peruaj vic-reĝoj altiris ankaŭ artistojn, kiuj skribis sur la tolo kaj la ŝtono la artan historion de hispana Ameriko. Certe estas en Lima novaj kvartaloj, *paseos,* grandaj parkoj, kie vidiĝas la moderna lukso, sed flanke restas la malnova urbo, ne ŝanĝita, plena je rememoraĵoj. La mallarĝajn stratojn borderas malaltaj domoj: je la teretaĝo kradogarnitaj fenestroj; je la unika etaĝo, balkonoj el skulptita ligno, *miradores* protektataj de latkradoj kontraŭ la suno kaj la maldiskretaĵoj. Pri ĉiu el tiuj loĝejoj restas ia historio: legendo aŭ veraĵo. La pasinteco ŝprucas el tiuj ŝtonoj. Promenante tra la stratoj de la perua ĉefurbo, oni sentas tiun iel superstiĉan impreson, kiun naskas tre malnovaj urboj, teatroj de multaj okazintaĵoj. Toledo, Siena kaj Lima estas parencaj.

Jen, en la korto de la arkiepiskopejo, la tombo de la konkerinto Pizzaro, kuŝanta apud la loko, kie lin surprizis la mortigintoj. Sur placo vidiĝas la malnova juĝejo de l'inkvizicio, nuntempe transformita en Palaco de l'Senato. Tra la pordo, ĉiam malfermita, la popolo povas vidi la senatanojn en la historia ĉambro. Poste, jen la palaco kiu vidis la amon de la vic-reĝo Amat kaj de la Perricole. La fasado estas laŭ plej pure XVIII$^{a}$-jarcenta stilo; malantaŭ la domo, loĝioj rigardas al la ĝardeno kun la profundaj aleoj, kiujn refreŝigas la murmurado de l'akvo; de loko al loko, altiĝas *miradores,* de kie Amat kun lia amatino ŝatis admiradi la verdan kaj ondolinian kamparon de la ĉirkaŭaĵo de Lima. Jen la severa muro de monaĥejo, borita de malgrandaj aperturoj, kiuj montras ĝian mirindan dikecon, kaj la blazongarnitaj pordoj de la domoj kun andaluziaj

---

[1] Critchfield en sia libro pri la Sud-Amerikaj respublikoj rakontas, ke tutan jarcenton tiuj landoj vivis en batalado kaj anarkio; dum tiu tempo la pastroj ne ĉesis prediki por la paco kaj la ordo. Admirante ilin oni tamen ne povas ne konstati, ke iliaj predikoj havis malgrandan efikon. Kia estis la ĉefa faktoro de la posta progreso de tiuj landoj? La efiko de la grandaj ekonomiaj movadoj. La bankoj, la industrio, la fervojo enkondukis aliajn fortojn, kiuj iom post iom deturnis la popolon de la militemaj aventuroj al tiu honesta laboro, kiun ili antaŭe ne celis malgraŭ la predikoj de la plej alta idealo.

*patios* ornamitaj de plantajoj kaj floroj. En kelkaj loĝejoj, la ŝtuparo staras kontraŭ la enirejo, je la ekstremaĵo de l'*patio*: tiu aranĝo estis permesita nur al la idoj de la konkerintoj. En la jena strateto, la kadavro de la vic-reĝo Rodriguez Manrique de Lara kuŝis tutan nokton. Ian vesperon, kiam li vizitis sian amatinon, li estis surprizita de ŝia edzo kaj ĵetita en la straton. Granda estis la krimo; sed la kulpulo estis tiel influa persono en la kolonio, ke Filipo IIa, tiam reganta, ne kuraĝis lin puni. En Lima oni povas havi la iluzion, ke oni vivas en antikva kolonia Hispanujo, tiel simila al la metropolo. Amo, religio, ambicio, kaŭzoj de teruraj konkuroj, fonto de sangoplenaj dramoj kaj belaj legendoj.

La preĝejoj kaj la monaĥejoj, kelkaj domoj ankoraŭ loĝataj de la idoj de l'*conquistadores*, enhavas artajn trezorojn. Oni vidas en Lima fajencaĵojn same belajn kiel en Sevilla. La du grandaj hispanaj artoj de l'forĝita fero kaj de la ligna skulptaĵo estas reprezentataj de ĉefverkoj. Flanke de mirindaj preĝejaj kradoj, flanke de belegaj altaroj el skulptita ligno, oni vidas verkojn de peruaj aŭ hispanaj artistoj inspiritaj de la nova medio. Ekzemple, en la sidfakoj de la preĝejo de l'monaĥejo San Agustin, superbele skulptitaj, la kapoj de la sanktuloj estas anstataŭataj de figuraĵoj laŭ la kapoj de la kolonianoj, negroj kaj indianoj. En la sama monaĥejo troviĝas originala ligna skulptaĵo de la perua skulptisto Gavilan pri la morto. Estas unu el la malmultaj artaj verkoj, kiuj ne estas anonimaj. Anstataŭ la skeleto falĉilon portanta, la skulptisto elpensis skulpti teruran grimacantan mumion kun kelkaj hartufoj sur la kranio. Ĉirkaŭ la nomo Gavilan formiĝis legendo: kulpa je mortigo, li rifuĝis en la monaĥejon San Agustin, kie, sola en sia ĉelo, li skulptis la bildon de la morto. Persekutita de konsciencriproĉo, vivanta en timo, li, ian vesperon, estis tiel surprizita de la terura realismo de sia verko, ke li subite mortis de emociego.

Lima posedas ankaŭ valorajn pentraĵojn. Eŭropaj kolektistoj povus envii la galerion de S-ro Ortiz y Ceballos, kie la itala kaj la hispana skoloj estas reprezentataj de pentraĵoj de l'plej famaj majstroj. Por la vizitanto la pentraĵoj de la peruaj artistoj estas pli interesaj. Oni vidas ilin en la monaĥejoj kaj en la preĝejoj. Pluraj epokoj estas reprezentataj en tiuj belaj pentraĵoj preskaŭ ĉiam anonimaj. En San Pedro du pentraĵoj laŭ la Mezepoka stilo montras la helan arbon de la vivo kaj la nigran arbon de la morto. En tiu sama preĝejo estas rimarkinda dekrucigo kaj kelkaj paneloj pri sankta historio. En la peristilo de la monaĥejo San Agustin, pentraĵo prezentas la morton de l'sanktulo. Li kuŝas sur lito; je liaj piedoj genufleksinta viro ploras, kaj super li Kristo estas preta lin akcepti. La kapo de la mortanto estas pura ĉefverko; la okuloj havas ian nedireblan ekstazesprimon. La resto de la pentraĵo estis fuŝita de riparinto, kiel tro ofte okazas en Lima, kie la artaĵoj ne estas sufiĉe protektataj kontraŭ la malklereco kaj la malbongusto.

La popola kvartalo de Lima, ĉe la alia bordo de la rio Rimac estas tiel malnova kiel la kvartalo de la palacoj. Sidanta ĉe la piedo de Ĉerro San Cristobal ĝi markas la limon de la urbo. Preter la mikskolora linio de la domoj, oni ekvidas la konfuzamason de la bambuoj, salikoj kaj latanioj. Flanke de la freŝa verdaĵo, la malnova kvartalo kun sia svarmanta loĝantaro havas duonruinan aspekton. Estas la vintro; ses monatojn, griza sternaĵo de nuboj dormas super la urbo, kaj malgraŭ la vivaj koloroj, kiuj kovras la antikvajn murojn, oni dezirus vidi la sunon, kiu donus brilon al la putrintaj lignaĵoj, al la malpurigitaj pentraĵoj kaj al la vestaĉoj de la mizeruloj. Tiuj kompatinduloj, plejparte indianoj, ŝajnas vivi sur la stratoj kaj la placoj. Pasas kurbiĝantaj virinoj portantaj la infanon sur la dorso, en poŝo formita per ŝalo nodligita ĉirkaŭ la kolo; en plena aero familioj preparas la manĝaĵojn kaj flanke de ili rabobirdo satnutriĝas en la rivereto. Sub la larĝa pajla ĉapelo, kiun sendiference portas viroj kaj virinoj, oni ekvidas la bistrajn vizaĝojn enkadrigitajn de plataj haroj. Ĉu estas indianoj *Quichuas* aŭ ĥinoj, el kiuj kvar miloj loĝas en Lima? Oni ofte hezitas, ĉar tiel granda estas la analogio inter ambaŭ rasoj.

*(Daŭrigota.)* *Charles Lesca*

Trad.[1] *A. R.*

---

## La popolaj loĝejoj

II

Dum la Pariza ekspozicio en 1889, oni penis impulsi al la plibonigado de la laborista loĝejo. Internacia kongreso tre interesa okazis dum tiu ekspozicio, kaj el la interkonsiliĝoj de tiuj kongresoj rezultis, ke estas necese stimuli, en Francujo kiel en ĉiuj aliaj landoj, la individuan iniciatemon. Tiam kelkaj deputitoj, opiniinte, ke leĝo pri loĝejo „malkare" povus fari gravajn servojn, ellaboris leĝprojekton, kiu estas prezentita en 1891 ĉe la Deputitĉambro; en 1894 tiu leĝprojekto fariĝis leĝo. Laŭ tiu leĝo la domoj „malkaraj" estis liberigitaj dum kvin jaroj je la ter-, pord- kaj fenestrimpostoj, al la Nacia Asekura Kaso estis permesite vivasekuri por nedaŭra tempo la luintojn fariĝintajn posedantoj de la diritaj domoj.

La leĝo de la 12 aprilo 1906 anstataŭis tiun de 1894. La ĉefa celo de tiu leĝo estas:

*a)* Instigi al la konstruado de sanigaj loĝejoj destinotaj por malriĉaj personoj.

*b)* Faciligi por tiuj personoj la aĉetadon de individuaj domoj, kaj certigi ilian konservadon por la familio.

Por atingi tiun celon, laŭ tiu leĝo, la domoj „malkaraj" estas dum dekdu jaroj malŝarĝataj je la ter-, pord- kaj fenestrimpostoj; plie tiu leĝo favordonas malŝarĝojn al la societoj, kiuj sin dediĉas al la konstruado, vendado kaj luigado de tiuj domoj.

Fine, tiu leĝo malfermas por la ellaborado de tiuj loĝejoj la financan helpon de l'ŝtato, de l'departementoj kaj de la komunumoj; plie por la profito de la familio, ĝi aliigis la komunan juran reĝimon pri nedivido kaj partigo.

Dank'al la § 6 de tiu leĝo la oficejoj por bonfarado, la kadukulejoj kaj la ŝparkasejoj povas multe pli facile uzi monon por la loĝejoj „malkaraj". La procento donota al tiuj loĝejoj estas nur 4 %. Pri la loĝejo „malkara" ne gravan influon la leĝo de 1894 lasis al la komunumoj, kies agrimedojn grave plimultigis la leĝo de 1906.

Jen estas la diversaj manieroj, laŭ kiuj la departementoj kaj la komunumoj povas enmiksiĝi:

*a)* Pruntedoni al societoj por konstruado; al tiuj samaj societoj antaŭmendi akciojn kaj obligaciojn ĝis atingo de la du trionoj de ilia kapitalo;

*b)* Vendi terspacojn aŭ konstruaĵojn kondiĉe, ke la vendprezo egalvaloru almenaŭ la duonon de la reala prezo.

Cetere oni povas diri, ke komunumo saĝe agus, se ĝi prenus sur sin la necesajn higienelspezojn por eviti en la estonto la neprajn helpelspezojn, precipe en niaj grandaj urboj, en kiuj estas tiel granda aro da malsanigaj domoj markitaj de la mortiga signo de la malsanigeco kaj de la tuberkulozo. Krei sanigajn domojn „malkarajn" aŭ samcele helpi morale kaj finance tiajn kreaĵojn estas sagaca administrado, kaj tiun administradon konsilus sagaca antaŭzorgo, eĉ laŭ la ŝpara vidpunkto, se, antaŭ ĉio, tio ne estus urĝega devo humana. Sed ankaŭ al la sanigaj loĝejoj „malkaraj" influas la ŝtato per

---

[1] El *Revue d'Europe et d'Amérique*.

higienaj leĝoj. Detruante la loĝejaĉojn, zorge postulante, ke la novaj domoj estu konstruataj laŭ higienaj leĝoj, la ŝtato kunlaboras por savi de la malsaniga loĝejo la malriĉan loĝantaron.

Laŭ la leĝo de 1902, en ĉiu komunumo, la vilaĝ- aŭ urbestro devas zorgi pri la aplikado de la higienaj leĝoj, prizorgi la sanigadon de la loĝejo, malpermesi la loĝadon en malsanigaj loĝejoj kaj atenti pri la konstruado de novaj domoj laŭ la higienaj reguloj.

* * *

Ni nun mallonge ekzamenu la staton de la demando en la aliaj landoj.

En Anglujo, same kiel en Francujo, la unuaj provoj por la plibonigo de la laborista loĝejo komenciĝis je la mezo de l'lasta jarcento.

Oni scias, kiel senhezitaj kaj obstinemaj estas Angloj, kiam ili komprenis, ke afero estas utila kaj justa. Do, fondiĝis en Anglujo gravaj societoj por konstrui grandajn domojn komfortajn kaj higienajn, en kiuj estos entenataj multaj loĝejoj „malkaraj". Oni povas konsideri, ke, depost kvindek jaroj ĉirkaŭe, estas elspezitaj tiacele 120 milionoj da Sm.; aliparte tiuj ĉiam bone administritaj societoj ĉiam disdonis al siaj akciuloj renton da 4 ĝis 5 %.

Tio ne estas do ellaborajo por bonfarado, sed pli ĝuste, se oni povas tiel diri, ellaborajo por komerca filantropio; tiu praktika maniero agi estas la ĉefa kaŭzo de la sukceso kaj de la disvastiĝo de tiaj entreprenoj en Anglujo.

Sed nur per tio ne kontentiĝis la iniciatema karaktero de Angloj, kaj nun mi estas parolonta pri ankoraŭ pli interesplenaj entreprenoj naskitaj de la laboristara medio mem kaj funkciantaj per la nura povo de la kooperado. Tiuj societoj estas la „Building Societies". Komence tiuj societoj estas ŝparsocietoj en kies kasojn la laboristoj deponas sian ŝparitan monon; kiam tiuj societoj fine estas sukcesintaj starigi gravetan kapitalon, tiamili konstruigas; poste la domoj estas iom post iom asignataj lotade al la membroj de la asocio, kaj la profitintoj post kelkaj jaroj pagas la al si asignitan domon; la enkasigitaj luprezoj restarigas la kapitalon kaj ebligas la konstruadon de novaj domoj k. t. p. En Anglujo plimultiĝis tiuj societoj; nun ekzistas pli ol 3000 tiaj societoj, kiuj kune posedas kapitalon superan je 440 milionoj da Sm.

En London, kvartalo konstruita tute per la klopodoj de tiuj societoj enhavas pli ol 2500 kvarĉambrajn dometojn kun ĝardeno.

Tamen oni ne opiniis, ke tiuj rezultatoj sufiĉas, kaj la anglaj leĝdonintoj opiniis, ke estas necese helpi iniciatemon. En 1890 estas voĉdonita leĝo, kiu permesas al la komunumestraroj trudaĉeti malsanigajn domojn kaj rekonstruigi sur la samaj terspacoj sanigajn domojn. La London'a urbkonsilantaro multege profitis tiun leĝon; jam ĝi trudaĉetis kaj rekonstruigis por pli ol 24 milionoj da Sm. Mi aldonos, ke tiuj domoj, kiuj troviĝas interne de la urbo, estas vastaj domoj kvaretaĝaj tre bone interne aranĝitaj pri higieno kaj komforto.

Fine mi aldonos, ke, por ankoraŭ pliampleksigi tiun movadon, kiu posedas ĉiujn simpatiojn de la publiko kaj de la registaro, leĝo de 1899 permesis al la komunumoj eĉ plej malgrandaj pruntedoni monon al la loĝantoj, kiuj deziras konstruigi domojn por si; tiu pruntedonota monsumo povos atingi la ¾ de la valoro de la konstruota domo, kondiĉe, ke tiu valoro ne superu 4000 Sm.

*(Daŭrigota).* Trad.[1] *L. Crébely* (Del. Dôle).

[1] El l'*Action Jurassienne.*

---

# La Balkana milito kaj Rumanujo

Daŭras ankoraŭ, kiam mi skribas ĉi-tiun artikolon, la Balkana milito, kies terurajoj tremigis la fundamenton de tuta Eŭropo. Pro senpartiaj konsideroj, mi ne volas pritrakti la kaŭzojn, nek la racion de ĉi-tiu milito, sed nur la konsekvencojn de ĝi por Rumanujo.[1]

Jam dum la, apenaŭ — por tiel diri — trankviligita itala-turka milito, la ekonomia stato de Rumanujo multe suferis. La eksportistoj kaj importistoj estis malhelpataj en siaj aferoj pro la necerta marvojo kaj pro la fermo de Dardaneloj. Oni atendis senpacience la pacon por ke la aferoj reprenu la normalan vojon.

Ne bone finiĝis tiu milito, kiam pli terure eksplodis la Balkana, forigante ĉian esperon por plibonigo de la situacio. La krizo estis deklarita.

Inter aliaj, du estas por Rumanujo la plej gravaj konsekvencoj, kiujn elvokis tiu milito: la malplibonigo de l'financa kaj ekonomia stato kaj la pliakrigo de l'ŝovinismo.

La timo de etendiĝo de l'milito igis la financajn instituciojn malpliigi la krediton. La bankoj, kies kapitaloj plej grandparte konsistas el deponoj por „fruktigo", troviĝis en tre kriza situacio, ĉar la deponintoj repostulis la monon. Por plibonigi la situacion la Nacia Banko helpis tiujn instituciojn per 30 milionoj da leoj (12.000.000 Sm.). Tamen tio ne sufiĉis. Multaj firmoj, kiuj vivis plejmulte per kredito, je malpliigo de ĝi, ŝanceliĝis, kaj la bankrotoj ne mankis. Nur en proksimume tri monatoj la nombro de la bankrotaj firmoj, nur en Bukureŝti, superis 200 kaj inter ili iuj kies pasivo superis duonmilionon kaj eĉ atingis milionon da leoj (Sm. 0,40 = 1 leoj). Neniam la komercaj juĝejoj estis tiel ŝarĝitaj per komercaj procesoj. Multaj entreprenoj kaj fabrikoj devis ĉesigi entute aŭ parte la laboron, kaj sennombraj laboristoj restis sen laboro mezvintre.

Samtempe tiu ĉi milito naskis ĉe la ŝovinistoj kaj „naciistoj" la deziron, ke sub diversaj motivoj — kiuj konsiderataj laŭ tute senpartiaj kaj justaj vidpunktoj estas tute malpravaj — Bulgarujo cedu parton de sia lando al Rumanujo, kvankam tiu-ĉi nenion perdis kaj neniel estis ĝenata dum longa vico da jaroj t. e. depost la rusa-rumana-turka milito de 1877.

Tiu ĉi movado etendiĝis tra la tuta lando, kaj neniu provis kontraŭstari, krom la socialdemokrata partio, kiu en kelkaj publikaj mitingoj energie protestis kontraŭ la Balkana kaj eventuala milito. La registaro okupiĝas preskaŭ nur per eksteraj aferoj kaj per pliarmigo de la lando.

Eksterordinara kredito da 151 milionoj da leoj (60.400.000 Spesmiloj) nur por la armeo, estis unuanime voĉdonita de la parlamento je sia komenca agado. Alia kredito da 150 milionoj (60 milionoj Sm.) same por la armeo estos voĉdonata kaj krom tio, la ordinara buĝeto de l'ŝtato estos superŝarĝita per aldono de proksimume 100 milionoj da leoj (40.000.000 Sm.) por la militista ministrejo.

Tiu ĉi stato milita igis la rapidan enkondukon de aeroplanoj en la milito kiel nova mortiga armilo kaj la iniciaton, ke milita ŝiparo estu kreata.

Por plifavorigi ĉi tiun movadon kaj por akceli la enkondukon de tiu nova armilo (aeroplanoj) kaj la kreon de la milita ŝiparo, subskriblistoj ĉie estis malfermitaj por kolektado de mono. Sed malgraŭ la monoferoj bonvolaj kaj

[1] Ni principe ne publikigas artikolojn pli-malpli politikajn. Ni tamen opiniis, ke la supra artikolo, kvankam ne tute plene respondante tiun principon, interesos niajn legantojn ĉar ĝi informas pri faktoj ne multe konataj aŭ ofte ne ĝuste raportitaj en naciaj gazetoj. Cetere, ni kredas, ke inter niaj legantoj ne troviĝas multaj personoj, kiuj senrezerve aprobas la nunan vetkuradon pri la armadoj.

La sama rimarko taŭgas por la artikolo pri *La socia stato de la turkino,* kiu aperos en nia proksima n-ro. *(Red.)*

eĉ altruditaj, tio ne sufiĉos subteni la novan armeon kaj la plimulto de l'elspezoj estos farata de ŝtata buĝeto. Ĉar la landaj riĉajfontoj en ĉia okazo ne sufiĉos plenigi tiun sumon, oni devos kontrakti novan monprunton, kiu anoncigas esti ne malpli ol 500 milionoj da leoj (200 milionoj Sm.).

Ĉi tiu superŝarĝo de l'ŝtataj elspezoj certe tiros post si multajn impostojn, kiujn devos pagi plejparte la popolo laborista, ĉar ĝis nun la progresiva imposto ne ekzistas en Rumanujo.

Oni devas memori samtempe, ke dum por pretigo al milito oni elspezas tiom multe, por la publika instruado kaj publika saneco oni elspezas tre malmulte. La analfabetismo estas en proporcio de 75 % kaj la amasoj laboristaj kaj kamparanaj estas konsumataj de malsanoj kiel „pelagro"[1] kaj tuberkulozo.

Feliĉe, la alveno de la printempo eble helpos, ke la militemaj spiritoj disiĝu, ĉar la kampoj estos minacataj resti nelaboritaj, tiom pli ke dum la aŭtuno, pro la senĉesaj pluvoj oni povis, nur en tre malgranda parto, fari la tritiksemadon kaj la maizo, kiu lastjare estis ankaŭ sur pli malgranda porcio, ol antaŭe kulturita, same pro la aŭtuna pluva vetero ne maturiĝis kaj eĉ putriĝis nerikoltita sur la kampo.

*Em. J. Nicolau* (Del. Bukurešti).

[1] Malsano devenanta el konsumado de faruno de nematurita maizo.

## La protektado de la arbaroj

La Turing-Klubo de Franclando jam de multaj jaroj daŭrigas viglan propagandon por protektado de la arbaro.

Defendante la arbaron, la Turing-Klubo defendas la monton kaj ĝiajn paŝtejojn, la vilaĝojn minacatajn de lavango, la valetojn kaj ĝiajn riveretojn, la valon kaj ĝiajn riverojn, la ebenaĵon kaj la riveregon, la terajojn, kiujn ĝi fiksas kaj fruktodonigas, la akvojn, kiujn ĝi disdividas — kaj la homojn mem.

Sed al la ĉefa demando pri la arbaro, ĝia ekzistado, protektado kaj uzado, rilatas cent aliaj demandoj, eksteraj de turismo mem kaj kiujn sekve nia asocio sola povus nek esplori nek solvi.

Tial la Turing-Klubo decidis organizi en Paris ĉi tiun jaron de la 16 ĝis 20 junio „internacian arbaran kongreson" ĉe kiu estos pritraktataj ĉiuj demandoj pri protektado, plivastigo kaj plibeligo de la arbaroj kaj samtempe tiuj precipe gravaj kaj urĝaj, kiuj interesas la privatan arbaran posedaĵon.

Ĉi tiu sola ja riprezentas pli ol ses milionojn da hektaroj t. e. pli ol du trionojn de la arbokovrata suprajo de Franclando — kaj ĝi jam de multaj jaroj travivas plej danĝeran krizon, ĉar la kompletaj dehakadoj, kiuj detruas ĝin samtempe sur ĉiuj lokoj de la teritorio, fariĝis la lasta monrimedo de la posedantoj premegataj de la sumo de siaj kostoj. Aliparte la produktoj de la arbaroj kaj arbaregoj ne plu respondas en tro multaj okazoj al la nunaj bezonoj de la konsumado; tio malgrandigas ilian komercan valoron kaj la profiton devenontan de ilia vendo.

La naciaj kaj komunumaj arbaroj, kvankam ne ĉio estas perfekta en la leĝoj kaj reguloj, kiuj regas ilin, estas tamen sufiĉe grave defendataj, por ke la klopodoj povu, laŭ kompletaj justeco kaj neceseco, esti unue kaj precipe farotaj aliloke. Tial la ĉefa celo de la internacia arbara kongreso estas helpi la privatan arbarkulturon.

Estas ja nepre necese, ke la privata arbara suprajo de Franclando, anstataŭ malgrandiĝi kiel nun, ne nur restu sama, sed ankoraŭ treege pligrandiĝu ĝis la limoj, kiujn ĝi povas atingi. Estas do necese, ke la posedanto de arbokovrataj suprajoj povu esperi certan profiton de saĝa ekspluatado kaj ke, anstataŭ esti devigata al forlaso de sia arbara bieno, li estu instigata plivastigi ĝin. Sed la arbara posedajo povas profitigi la kapitalon, kiun ĝi reprezentas, nur estante malpli premegata, ĝuante pli da garantioj, kaj liverante, en specoj, kvantoj kaj kvalitoj, la produktajojn, kiujn la konsumado postulas kaj kiujn ĝi aĉetos de post tiu tempo ĉe la francaj vendejoj anstataŭ preni ĝin ĉe la fremdaj.

Kune kun tiu ĉefa punkto, la laboroj de la kongreso pritraktos aliajn punktojn de alta graveco: pligrandigo de la ĝenerala arbara bieno per metoda plantado en senkulturaj terajoj, kiuj duobligus ĝian suprajon, plibonigo de la paŝtejo sur monto, kiun la arbaro protektas kaj defendas, per arbarigo kaj herbigo de nudaj terajoj; starigo, per la rondoj al kiuj la leĝo rajtigas la povon posedi, de nepereontaj arbaraj bienoj, kiuj certigos grandegajn provizajojn al industrio; protektado de la grundo, reguligo de la akvoj, saneco de la klimato, pentrindo de la pejzaĝo... Mi kredas senutile certigi ke, en tiu tiel multfaka demando pri la arbaro, ĉio, kio rilatas al turismo, estos diligente studata.

Por sukcesigi la taskon, kies ĝeneralan planon ili estis antaŭe desegnintaj, la organizantoj de la internacia arbara kongreso adresis alvokon tuj aŭditan al ĉiuj kompetentuloj en ĉiuj landoj. Belgolando, Greklando, Respubliko de Haiti, Norveg- kaj Rumanlando jam elektis siajn oficialajn delegitojn al la kongreso. Aliaj regnoj estas elektontaj la siajn kaj instigas al prezento de laboroj de siaj nacianoj.

En Franclando, la Ŝtato, la asocioj aŭ kolektivajoj plej aŭtoritataj delegis al la kongreso la personojn plej kompetentajn kaj plej bone informitajn pri arbaraj demandoj.

Tiuj kunlaboroj, kiujn ni petis en la nomo de ĝenerala intereso, venis; baldaŭ la reprezentantoj de ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la estonteco de la arbaro, laboros en sameco de ideoj kaj klopodoj kune kun ĝiaj oficialaj reprezentantoj. La vigla kuniĝo de ĉiuj tiuj sindonoj, fervoroj, laboroj povas ricevi nur bonajn rezultatojn. La laboroj de la raportantoj, en ĉiu el la kvin grandaj sekcioj de la kongreso, estos esplorajoj de nekalkulebla valoro kaj de plej granda aŭtoritateco. La solvoj, kiujn la kongreso montros; la deziresprimoj, kiujn ĝi alprenos, havos decidan influon al la estonteco de la arbaro. La parlamentanoj trovos en tiuj laboroj, decidoj kaj deziroj, kiuj estos oficiale sciigataj al ili, la plej fortajn kialojn enmeti en la leĝan regularon de la arbara bieno, publika kaj privata, la gravajn ŝanĝojn, kiujn ĝi postulas.

Estas dezirinde, ke aliĝoj al la internacia arbara kongreso[1] alvenu al ni de ĉiuj, kiuj kolektive aŭ individue, kiel profitantoj aŭ senprofituloj, zorgas pri la jam tro malfirmigita estonteco de la arbaro.

La nombro de niaj aliĝantoj aldonos novan forton al ilia aŭtoritateco. La esprimitaj deziroj estos la ekzakta kaj potenca esprimo de ĝeneralaj bezonoj kaj utiloj tiom pli, ke ili estos alsubskribitaj de ĉiuj, kiuj ricevas de la arbo ĝojon aŭ profiton — por la plej granda profito de la nacia prospereco, de la beleco kaj senriskeco de nia tero.

*Henry Defert*

Vic-prezidanto de la Turing-Klubo de Franclando;
Prezidanto de la Organiza Komitato de la internacia arbara kongreso.

Trad[2]. *Camille Chandelliez.*

[1] La aliĝoj estas ricevataj, 65, avenue de la Grande Armée, ĉe la Turing-Klubo de Franclando, kiu sendos, laŭ peto, ĉiujn necesajn informojn.

[2] El la ĵurnalo *Le Matin*.

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **Asocio de la Internacia Gazetaro.** — La Asocio de la Internacia Gazetaro, tutmonda unuiĝo de verkistoj kaj jurnalistoj dezirantaj labori al la plibonigo de la Rolo de la Gazetaro, speciale kontraŭbatalante la trofruajn, riskajn kaj malutilajn informojn k. t. p., ĵus havis sian ĝeneralan kunvenon en Ĝenevo, en sia sidejo, rue du Stand, 48. Multnombraj politikaj, literaturaj, sciencaj, komercaj eminentuloj, svisaj kaj fremdaj, malhelpitaj ĉeesti, alsendis tiuokaze sian simpation al tiu interesa entrepreno kaj al ĝia prezidanto, S-ro Felix Wohlgrath. En la kunveno S-ro prezidanto memorigis la honorajn membrojn, fondintajn, aktivajn membrojn mortintajn inter aliaj S-roj Auguste Beernaert, Baron Blanc, Alph. Bévylle, J. Calame-Colin, Hector Depasse, Kolonelo Geilinger, Abato Jeantet, Léon de Landsheer, Jules Le Jeune, Ernest Levallois, Ernest Levasseur, Anatole Leroy-Beaulieu, Roméo Manzoni, Crisanto Médina, Milovan Milovanowitch, B. van Muyden, Manuel de Orrantia, Marc Ruchet, J. Tschumi, André Schnetzler, William Stead k. t. p. Li anoncas, ke la organizo de la Internacia Kongreso, kiun la Asocio preparas kun la helpo de sia Internacia Komisiono, estas sur bona vojo. Li citas la nomojn de la eminentuloj kaj jurnalistoj ĉiulandaj, kiuj ĉeestos. Por la honoraj membroj la Asocio fabrikigis belegajn honorajn poŝhorloĝojn, kiuj malsupre enhavas la devizon „Por la progreso kaj la alproksimiĝo de la spiritoj, per la Vero, la Justeco kaj la Senarmigo de la spiritoj“, devizo, kiun aljuĝis al la Asocio la delegitoj ĉe la dua Haga konferenco. Sur la ciferplato estas la jenaj vortoj meditotaj de la jurnalistoj „Preciza informado evitas malprofitojn kaj konfliktojn“ kaj „Preciza informado, fonto de ekonomia prospereco“. Interesa diskuto sekvis, en kiu diversaj membroj atentigis pri la agado plenumita de la Asocio kaj ĝia utileco por la Komerco kaj la Industrio.

∴ **Ritma edukejo Jacques-Dalcroze en Dresden-Hellerau** — La lernejfestoj de la Dalcroze-edukejo [1] okazos ĉi tiun jaron en junio. Estos prezentata tuta opero, „*Orfeus*“ de Gluck. Vizitantoj de la antaŭjaraj lernejfestoj memoros la efikon de unu sceno el „Orfeus“, kiu tiam estis la fino de la prezentaĵoj. La plena programo de la lernejfestoj baldaŭ estos publikigata. Krom la lernejfestoj de la Dalcroze-edukejo prepariĝas en Hellerau ankaŭ alia arta okazontaĵo. Oni intencas aranĝi dramajn prezentadojn, sufiĉe diferencantajn de la kutimaj teatraj prezentaĵoj. Ili havas la celon, servi al la evoluo de monumenta-drama stilo. Tiuj celoj tute organe sin donis el la eco de la festsalono de la Dalcroze-lernejo, kies plena signifo nur ĉe tiuj eksperimentoj sin tute klare montros. Instigitaj estas tiuj eksperimentoj de kelkaj artistoj, kiuj proponis al la ĝardenurbo Hellerau la rajtojn por la unuaj prezentaĵoj de siaj verkoj sub la kondiĉo, ke tiuj prezentadoj okazos en la salono de la Dalcroze-lernejo. Ĉar la Dalcroze-edukejo pro sia lerneja karaktero ne povas preni sur sin la efektivigon de tiu ĉi plano, la ĝardenurbo instigis al la fondo de speciala unuiĝo por la aranĝo de dramaj prezentadoj en Hellerau. La unuaj tiaj prezentaĵoj okazos jam en la nuna jaro. Unue oni prezentos verkon de poeto, kiun kompetentuloj jam de jaroj konsideras de programeca signifo por la monumenta dramo, pri kiu tamen la publiko ĝis nun preskaŭ nenion scias. Li nomiĝas: *Paul Claudel*. — Kvankam li estas franco, lia monumenta, iom mistika arto estas parenca al la germana sento; el tio klariĝas, ke li en sia patrolando ĝis antaŭ nelonge estis apenaŭ pli konata ol en Germanujo. Nur la juna generacio en Francujo vidis en li sian gvidanton. Lia mistera ludo „*Die Verkündigung*“ (La Anunciacio) tute konvenas al la klopodoj pri akiro de stilo, kiel ĝi estas efektivigita en la festsalono de la Dalcroze-lernejo. La dramo mem faris en Paris ĉe la prezentado en la teatro de l'Œuvre la plej fortan impreson depost Ibsen kaj Mæterlinck, kaj de tiam klopodas la plej gravaj Berlinaj teatroj por akiri la rajton de la unua prezentado, speciale ankaŭ, ĉar la tradukinto, Hegner, sukcesis traduki la dramon ne nur laŭsence sed li ankaŭ laŭ la enhavo kaj formo trovis rimedojn ĝin plene komprenigi al ne francoj. Pro ĝia grava signifo oni antaŭ la permeso de la prezentado sur aliaj scenejoj aranĝos en Hellerau modelan prezentadon same laŭ la intenco de la poeto kiel de la tradukinto, kiu por tiu ĉi celo speciale transloĝiĝis al Hellerau kaj sciis interesi por siaj planoj jam multajn verkistojn kaj artistojn. La prezentado de la „Anunciacio“ okazos kiel dirite ekster la lernejfestoj. Sciigojn donas la oficejo de la Gartenstadt Hellerau apud Dresden, la Dalcroze-edukejo en Hellerau aŭ la Delegitoj en Hellerau kaj Dresden. — Laŭ „Raportoj el la Dalcroze-edukejo“ *J. Karsch* (Del. Dresden).

[1] Vidu *Esperanto* N-oj 132, 133 kaj 137.

∴ **Oficiala adresaro de la Leipziga foiro.** — Ĵus, plej ĝustatempe, aperis, en $34^a$ eldono de la foira komisiitaro de la Leipziga komerca ĉambro adresaro de la Leipziga foiro.

Grandampleksa griza volumo de la adresaro-kalendaro kun suplemento de speciala plano de la urbo Leipzig kaj de la urbaj foirejoj „Komerca Palaco“ kaj „Kaufhaus“ kaj ankaŭ riĉenhava fako de anoncoj, ebligas al ĉiu eksterlandulo, distribui sian laboron dum la foiro. Dum la vendado mem la adresaro prezentiĝas, kiel neanstataŭebla gvidilo ĉe la pririgardado de ekspoziciejoj de pli ol 4086 firmoj. La nombro de la firmoj partoprenantaj la Leipzigan foiron en ĉi-tiu jaro superas la ciferon 4000 je l'unua fojo. Tiu-ĉi firmoj ampleksas plej diversajn branĉojn: ceramikaĵan, vitraĵan, metalan, lignaĵan, paperan, rezinan, korban, galanterian, ludilan k. t. p. fabrikaĵojn. En la nuna jaro ĉirkaŭ 700 novaj firmoj ekspozas siajn fabrikaĵojn je l'unua fojo. El la nombro de la ekspozantaj firmoj Germanujo prezentas 3699, Aŭstrio 252, Francujo 45, Svisujo 19, Anglujo 19, Nederlando 11, Italujo 10, Belgujo 9, Svedujo 7, Danujo 5, Norvegujo 3, Ruslando 2, Usono 4, Azio 1.

La adresaro estas sendata kaj disdonata senpage ĝis kaj dum la foiro al la aĉetantaro. — Trad. *S. Pšenickij*.

∴ **Germana gimnastika festo en Leipzig 1913.** — Unu el la plej bonaj kulturejoj de gimnastika arto jam de multaj jardekoj estas la germana gimnastikistaro. Ree ĝi invitas al unu el siaj bonfamaj gimnastikaj festoj, al la $12^a$, okazonta en Leipzig, la bela dua urbo de la Saksa reĝolando, de la 12 ĝis la 16 julio 1913. La 12 julio estos dediĉata al la saluto de la festgastoj, vespere estos en diversaj salonegoj de la urbo kaj en la grandega festhalo kunvenoj por la memoro al la germana liberiga jaro 1813 kaj al la en 1863 en Leipzig okazinta $3^a$ germana gimnastikfesto. La sekvanta Dimanĉo estos la ĉefa festtago: okazos imponanta rondirado de ĉiuj partoprenantaj gimnastikistoj tra Leipzig, sur la festplaco sekvos komunaj gimnastikaj ekzercadoj de almenaŭ 10.000 personoj kaj la specialaj ekzercadoj de la saksaj gimnastikistoj. Ĉeestos multaj honoraj gastoj el la tuta imperio kaj ankaŭ la saksa reĝo Frederiko Aŭgusto $III^a$. En la sekvantaj festtagoj en senfina vico okazos la ekzercadoj kaj prezentadoj de la diversaj nesaksaj gimnastikistaroj germanaj kaj eksterlandaj, multaj vetbataloj gimnastikaj kaj ankaŭ konkursoj pri naĝado, skermarto kaj luktado. Ĉio ĉi tio havos sian tre oportunan lokon sur la grandega festplaco en la antaŭurbo Eutritzsch; la tie kreita gimnastikplaco ampleksas 109.405 $m^2$, el kiu spaco 30.430 $m^2$ estas uzataj por la konstruo de tribunoj por 60.000 rigardantoj; do la festplaco estas multe pli vasta ol tiuj en Stockholm kaj Praha, kie okazis la plej grandaj lastjaraj gimnastikaj festoj. Krom granda administreja domo kaj speciala poŝtejo kompreneble la festplaco ankaŭ enhavas kelkajn grandajn bierejojn, dancejon k. t. p. En la granda festhalo okazos lundon vespere kantprezentadoj de la gimnastikistaj kantunuiĝoj. Post la festo la gastoj kune faros multajn diversajn migradojn al la saksaj montaroj, turinga arbarmontaro kaj Harcmontaro; la 17 ĉiuj gimnastikistoj-kantistoj faros ekskurson al Dresden, por tie vespere aranĝi kune kun la Dresdenaj gimnastikaj kantunuiĝoj kantprezentadon en la urba ekspozicia palaco. La tuta festo montros en imponanta maniero la nunan ĝojiĝe bonan staton de la gimnastika afero en Germanujo kaj certe havos por ĉiu, kiun interesas kulturado de korpaj fortoj kaj lertecoj kune kun edukado al disciplino, kiu sole povas ebligi la kunagadon de tiom da personoj, grandan intereson kaj al kio mi per tiuj linioj volas kore inviti la samideanojn. Ĉiujn informojn pri la festo, la vizito de la festurbo kaj de la ĉirkaŭantaj regionoj donas volonte la Del. de Leipzig kaj la subskribinta Distrikta Delegito aŭ senpere la ĉefkomitato de la festo (advokato Karl Markert, Leipzig, Hainstrato 3 II.). Ĝis la revido en Leipzig! — *J. Karsch, D. D.*

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*H. Conscience.* — **Kion patrino povas suferi,** el la flandra lingvo tradukis Franz Schoofs. Eldonejo de Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen. — Prezo: 20 sd.

La traduko de tiu kortuŝanta pri bonfaremo rakonto estas absolute korekta kaj senriproĉa. Povu ĉiuj esperantistoj verkistoj kaj tradukistoj alporti en siajn eldonaĵojn tiom da zorgemo kaj talento.

* * *

**Marĉfloro,** novelo de *Ferenc Herczeg*, trad. *Arnold Gölti.* (Kolekto de Hungara esperantisto.) Ludoviko Kokai, Budapest. Prezo: Sm. 0.50.

Kun vera intereso mi legis tiun novelon, en kiu Francisko Herczeg pentris per vivaj strekoj kaj ĝustaj koloroj la puran floron de amo ekkreskantan kaj elflorantan el la marĉo de diboĉejoj kaj arestejoj. Bedaŭrinde mi notis en tiu 108-paĝa libreto proksimume okdek preseraroĵn aŭ malkorektaĵojn, kies plimulto troviĝas en la 50—60 unuaj paĝoj. Ĉu eble la du partojn de l'verko ne revidis du egalkompetentaj personoj? Tiu malkorekteco estas des pli bedaŭrinda, ke la stilo de la traduko estas plej ofte bona, eĉ bonega, kaj ne estus malfacile, per pli zorga tralegado de la presprovaĵoj, fari el tiu „Marĉfloro“ unu el la plej bonodoraj floroj de nia literaturĝardeno.

Kompreneble mi ne povas ĉi tie signali tiel multajn preserarojn, sed jen la plej gravaj malĝustaĵoj kaj malkorektoj: 3., 16. ĵus (en senco de ĝuste); 3. malfruiĝis de; 4. batis la unuan (unua); 6. profesteritorio (profesi); 8. rigardadis antaŭen si (antaŭ si, sin); 15. revanĉon (?); 15., 29. apropo (?); 18. imperatoroj (imperiestroj); 19. ridkolombo (?); 20. bulevardon (bulvardon); 22. kiel ankaŭ alie Freĉjo estis ĉe mi (?); 23. edziĝita (iĝinta, igita); 48. reflektoj (pripensoj); 42. ŝleje (?); fermitiris (fermtiris)...

* * *

**La Prauloj,** k. t. p. (Sama kolekto). Prezo: Sm. 0.20. Tri rakontoj de tri diversaj aŭtoroj kaj tradukistoj... deko da preseraroj aŭ malkorektaĵoj en 24-paĝa libreto, interalie:

2. konunumon, promovis; 9. li hejmen portis (?) sian edzinon; 10. tantiemojn (?); 12. ekscelentajn (?) vortojn; 24. elhungaris = tradukis el la hungara...

* * *

**La Instituto Milner,** de *Jean Jullien*, trad. la Lyon'a grupo (Esperanta biblioteko internacia). Prezo: Sm. 0.10.

Tre sprita rakonto pri amerika edziga instituto. La neforgesinda D-ro Henri Dor, en mallonga antaŭparoladeto, prezentas al la legantoj tiun tute korektan kaj klasikstilan tradukon de la Lyon'a grupo.

* * *

**Hispanaj dramoj,** de *Jacinto Benavente*, trad. *Vicente Inglada* (Sama kolekto). Prezo: Sm. 0.10.

El la riĉa teatraĵaro de Benavente, S-ro Vicente Inglada „ĉerpis tri verketojn simplajn, amuzajn, viglajn kaj rapidajn. La Domo de la feliĉo montras trafe, kiel multe trompas en ĉiutaga vivo la homaj ŝajnoj. La Servanto de Don Juan prezentas tre lerte disvolvitan aventuron de la fama kavaliro, tiel multe konita en la hispana kaj alilandaj literaturoj, kaj fine La Paperujo estas ĉarma dialogo, per kiu Benavente malkovras al ni sekreton de la virina enigma koro.“ Mi ne povis pli bone prezenti al la legantoj de *„Esperanto“*, ol per la propraj esprimoj de S-ro Inglada tiujn bonegan tradukaĵojn el fama hispana literaturisto. Povu la kondukantoj de la hungara kolekto, al kiu ni deziras longan prosperiĝon, sekvi la saĝan ekzemplon de la „Esperanta Biblioteko Internacia“ kiu liveras al la Esperantistaro nur zorge reviditajn kaj ĝenerale tre korektajn kaj fidindajn eldonaĵojn!

* * *

*Kolekto de hungara Esperantisto.* **Pro Esperanto. Gertie. La Monujo trovita,** verkis aŭ tradukis *Ferd. Varga.* — Ludoviko Kokai, Budapest. Sm. 0,200.

Beleta estas tiu kolekto kaj interesaj la tri verketoj, precipe la tria. Bedaŭrinde en tiu 24-paĝa libreteto mi kalkulis 28 preseraroĵn aŭ malkorektaĵojn. Kial oni presigas tiel fruige? Ĉu estas tiom malfacile kaj penige liveri al la Esperantistaro korektajn presaĵojn? Kian profiton ricevos per tia malmetodo la aŭtoro kaj la eldonisto?

* * *

**Katerino,** de *Ŝevĉenko,* trad. *V. N. Devjatnin* (Kolekto de lingvo internacia). Presa esp. societo. Prezo: Sm. 0.10.

„Katerino“ estas malgrandrusa poemo kiu, laŭtone de popola kompatkanto, kortuŝe rakontas la malfeliĉan vivon kaj morton de knabino patrinigita kaj forlasita de perfida delogánto. S-ro Devjatnin ĝin tradukis (ĉu mi bezonas tion diri?) per fluaj facillegeblaj versetoj. Kompreneble la stilo estas tute klasika. Mi notis nur unu malkorektaĵon (p. 8):

Kaj ni fumu, por feliĉe
Estu en la domo.

La korektado estas facila: sufiĉas anstataŭigi „por“ per „ke“. Mi rimarkas, ke niaj slavaj verkistoj ofte eraras pri la sintakso de la konjunkcia esprimo „por ke“.

* * *

*V. N. Devjatnin.* **Propaganda piedvojaĝo al la Oka Kongreso.** Munĥeno 1912. Prezo: Sm. 0.75.

En tiu 94-paĝa libreto, S-ro D. rakontas la longan piedvojaĝon, kiun li kun S-ro Romano, malgraŭ multaj mokridoj aŭ timigaj antaŭdiroj, entreprenis kaj plenumis sukcese. De la 2a de julio ĝis la 11a de aŭgusto, ili ambaŭ faris 2104 kilometrojn, el kiuj 1778 piede bone propagandante dumvoje en urboj, urbetoj kaj vilaĝoj. Modeste S-ro D. parolas pri tia faritaĵo:

„Nia piedvojaĝo tute ne estis ia heroa, ĝi eĉ ne estis por ni tre malfacila, ĉar ĝi plene kontentigis nin, kaj sekve ni faris nenian oferon — kontraŭe: ni plezuriĝis per nia plena libereco, ni ĉiam spiris freŝan aeron, ni pasigis multajn agrablajn horojn inter niaj diversnaciaj, diversgentaj samideanoj, ĉie ni estis renkontataj amike, ni vizitis tre multajn interesajn vidindaĵojn, k. t. p. Ĝenerale, nia vojaĝo alportis al ni multe da plezuro, multe da ĝojo — kaj ni volonte ankoraŭ unu fojon farus la saman, eĉ pli longan vojon.“

La libreto de S-ro D. liveras novan altvaloran dokumenton enmetindan en la privatajn kaj grupajn bibliotekojn.

* * *

**Karaktero,** laŭ *van Stipriaan Luiscius,* trad. *J. L. Bruijn* (2a eldono). Hago 1913. Prezo: Sm. 0.20.

Prave S-ro Bruijn kontroligis sian tradukon per la Esperantista Literatura Asocio. Nun, en tiu renovigita formo, la verko estas multe pli legebla kaj leginda. En tiu pensiga primora studo la aŭtoro pritraktas la sekvantajn gravajn demandojn: Kio estas karaktero? Kiel oni formas karakteron? El kio konsistas bona karaktero? Ĝi konsistas el bonvoleco, ĝentileco, devokonscienco, k. t. p., k. t. p., resume el 25 diversaj ecoj! Ho! kiom malsimple kaj malfacile estas havi bonan karakteron!

El multaj citindaĵoj mi elektas jenajn liniojn pri pacamo (p. 25):

„Oni povas esti kuraĝa, ne estante militema; oni ne povas esti samtempe justa kaj militema. Oni estu pacama en la hejmo, en la socio kaj sur la mondscenejo. Ankaŭ la ŝtatoj estu justaj kaj pro tio pacamaj. Nur dum la paco oni povas apliki siajn virtojn, plivastigi sian konon kaj ĝui sian feliĉon. En la pasinta tempo oni ne estis pacama kaj la sovaĝuloj ne ankoraŭ estas tiaj; ni nun estas sufiĉe civilizitaj por esti pacamaj. La milito estas malnoviĝinta. La milito ja fariĝis tiel multekosta, ke la venkinto tamen perdas.“

Kelkaj preseraroj postrestis la kontroladon, ekz. plia vastigita (plivastigita), pro trio (tio), populo (popolo), ĝi (sin) apogas.

* * *

**Aliaj ricevitaj verkoj:**

*C. Aymonier.* **Autour de l'Esperanto.** Centra oficejo. Prezo: Sm. 0.20.

* * *

**Estu homo,** de *Ch. Wagner*, trad. *Sam. Meyer.* Presa esp. societo. Prezo: Sm. 0.50.

*Verto.*



# Bileto de blankbarbulo

## *Rezultatoj!*

*Ili fortaj ni estos, kiam ni ĉiuj komprenos, ke nia vera forto ne konsistas en tio, ke multaj parolos pri ni — ĉu moke, ĉu indiferente, ĉu eĉ simpatie — sed en tio, ke, iom post iom, al la spirito de ĉiuj pripensemaj senpartiuloj sin trudas la konvinko, ke tute serioza kaj grava estas nia movado.*

*Tian rezultaton ni atingos, nur kiam la homoj konstatos, ke pli da laboro ni faras ol da bruo. Ili jam ĉiuj, en la tuta mondo, aŭdis pri ni sufiĉe; venis la momento, montri al ili, ke ni ne simple ekzistas, sed ke ni agas, kaj ke ĉiam pli efika — kvankam ankoraŭ tre modesta — fariĝas nia agado sur ĉiuj kampoj.*

*Kaj tie kuŝas la merito, la granda merito de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, ke ĝi tuj de la komenco sentis, ke pli grava estas por ni la fakto — eĉ el nura propaganda vidpunkto — ke mil uzas Esperanton kaj tiras el ĝi profiton ĉu materialan, ĉu moralan, ol ke cent mil sin brue proklamas Esperantistoj — kvankam alimaniere eble juĝas la „galerio“ . . . Sed kiun helpon alportas al nia afero la „galerio“?*

*Kelkaj opinias, ke, kiam ni povos diri al la indiferenta mondo: „Ni estas du, tri, kvar milionoj!“ la venko estos nia.*

*Ne, sinjoroj, ne!*

*Tiam la mondo ironie demandos:*

*„Kian profiton, kian gajnon havas la Esperantistoj dank'al sia Esperanto? Ĉu iliaj komercaj aŭ industriaj aferoj pli bone sukcesis? ĉu morale aŭ spirite ili plialtiĝis? ĉu ili utile plivastigis siajn internaciajn rilatojn? ĉu ili faris servojn unuj al la aliaj? ĉu pligrandiĝis ilia komuna kontenteco? ĉu, por la bono de l'homaro, ili dissemis fruktoriĉajn ideojn? . . . Kaj, se ne, kial do la mondo lernus Esperanton?“*

*Ho, amikoj, ni ne dubu, ke la praktikaj rezultatoj de nia agado multe pli helpos al nia propagando, ol ĉiuj plej elokventaj statistikoj pri grupoj, libroj, gazetoj k. t. p., per kiuj ni ofte klopodas, preskaŭ ekskluzive, akiri la ĝeneralan, cetere necesan bonvolon.*

*Se ni volas konvinki la homaron, ke ni ne estas revuloj kaj utopiistoj, sed homoj praktikaj kaj seriozaj, ni evitu zorge ĉian vanan agitadon, ĉian dissemadon de nia energio en tro diversaj „senmorgaŭaĵoj“, sed ni koncentrigu niajn fortojn ĉirkaŭ la entreprenoj, kiuj jam liveris nedubajn rezultatojn, kiuj montris sin utilaj, vivpovaj kaj respondis per faktoj la ĉi suprajn demandojn de l'mondo; ni subtenu ilin efike, kun ĝoja oferemo, kaj faru el ili kvazaŭ fortikaĵojn, kiuj, pro ilia modesteco mem, estos tiel firmaj, ke nenio ilin detruos . . . kaj ian tagon, la mondo estos nia!*

Th. Cart.



## Al nia legantaro

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo“ speciale de la Delegitoj de U.E.A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10 kaj 25 de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.*

*La redakcio.*

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Bukareŝti* (Ruman.). — Ĵus fondiĝis virina grupo, kiu esperebla multe efikos por la movado. Aliĝis ankaŭ la konata rumana verkistino Smara (nun lerneja inspektorino). — E. N.

*Castro Alves* (Bahia). — La 18 marto oni fondis la „Ortologa Universitato-Rondo“n. La kunvenon ĉeestis ĉirkaŭ 50 kaj al la Rondo aliĝis ĉirkaŭ 30 personoj. Ĝia estraro estas la sekvanta: hon. prez.: kolonelo B. Saback, urbestro de Castro Alves, kiu donacis al la grupo 333 Sm.; geprez. kaj geinstruantoj: S-ro D-ro Peryllo Benjamin kaj F-ino E. Ferreira; gesekretarioj: S-ro P. Barros kaj Prof-ino Esther Aranjo. La kunveno okazis en la honora salono de l'urbdomo, kaj la grupo estis fondata de D-ro M. Söndahl, kiu instruis la unuan lecionon, kaj de S-ro M. de Souza. — S.

*Hamborn* (German.). — Fondiĝis nova grupo kun 24 membroj. — E. L.

*Montchanin-les-Mines* (Franc.). — Post sukcesplena parolado de S-ro Decouches fondiĝis nova grupo kun 45 anoj. La urbestro, S-ro Fléty, akceptis la honoran prezidantecon. La komitato estas sekvanta: P.: D-ro Nomblot; S.: S-ro Talpin; instruanto: S-ro Jacquet. — D.

*Montcenis* (Franc.). — Nova grupo estas fondita, kies prez. estas S-ro Stévignan. — D.

*Palma* (Hispan.). — La Esp. Klubo loĝas nun Rambla 19. Jen la nove elektita komitato P.: G. Alomar; S.: J. Aguilo, K.: F. Barcelo. — A.

*Pekin* (Ĥin.). — En sia lasta kunveno de l' 9 febr., la esperantistoj decidis kunveni ĉiudimanĉe de la 3—4 h. en tekunvenoj en la sidejo de Pekina Esp. Asocio. Ĉiuj trapasantaj samideanoj estas kore invitataj. — S.

*Peterburgo* (Rus.). — Nun energie laboras nova Societo Espero kun 70 membroj. Ĉiuvesperaj kunvenoj okazas en la ejo Stolarnij per. 18. — P. S.

*Sogliano* (Ital.). — Nova grupo kun 53 membroj estas fondita; la honora prez. estas la urbestro. — C.

**Novaj kursoj.** — *Bruselo* (Belg.). — La 8 aprilo malfermiĝis nova kurso en la lernejo n-ro 7 kun 39 anoj gvidata de S-ro prof. E. Haine. — E. H.

*Dresden* (German.). — Du kursoj por instruistoj kun entute 47 aliĝintoj. Instruas S-roj Gneuss kaj Thiel. — T.

*Jičin* (Aŭstrio). — S-ro J. Mendik gvidas kurson kun 16 anoj. — M.

*Kairo* (Egipt.). — Nova kurso gvidata de S-ro D-ro Šipek. — Š.

*Madrid* (Hispan.). — En la tria labora kunsido de la kongreso de l'hispanaj Komercaj Ĉambroj, okazinta la 4 aprilo, estas akceptita la propono, ke Esp. estu instruata en la komercaj lernejoj. — P. L.

Okazas nun kvar kursoj gvidataj de S-roj E. Cid, R. Ayza, Perogordo kaj R. Bacza. — V. A.

*Palma* (Hispan.). Kvar kursoj gvidataj de S-roj Alomar, Aguilo, Barcelo kaj Ginener. — A.

*Peterburg* (Rus.). — Kurso en la Societo Espero gvidata de S-ro Dmitriev; 15 lernantoj. — P. S.

*S. Fortunato* (Ital.). — Malfermiĝis kurso kun 70 lernantoj. — C.

*St. Ludoviko* (Usono, Mo.). — S-ro Mariano Mojado, Del., malfermis kurson, kiun vizitas ĉiutage 19 studentoj de la kolegio. — M. M.

*Waltersdorf* (German.). — Nova kurso komenciĝis. — K.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *La Unua Nederlanda Kongreso* okazos la 27 julio en Hago. La programo ankaŭ enhavas boatekskurson al la konataj holandaj lagoj. Programoj kun aliĝiloj estas senpage riceveblaj de la 1a sekretario de la Kongresa Komitato: S-ro J. R. G. Isbrucker, Riouwstrato 169, Hago. Por aliĝoj post la 1 julio la prezo estas plialtigata je 10 %.

*La Kvina Dana Esp. Jarkunveno* okazos la 11 kaj 12 majo en Aarhus. La prezo de la kongreskarto estas du kronoj; programoj estas riceveblaj de S-ro D-ro dent. Mejndor, Villa Taarnholm, Aarhus, kiu ankaŭ akceptas aliĝojn. Por ĉiuj aliaj informoj oni sin turnu al F-ino Astrid Rybo, Kommuneskolen ved Sundholm, København S.

*Germanbohema Subligo.* — La jarkunveno okazos la 7 sept. en Warnsdorf (Aŭstrio).

*Germana Laborista Asocio.* — La dua kongreso okazis de la 22 ĝis 24 marto en Frankfurt a. M. Pli ol 40 delegitoj reprezentis la 70 grupojn de la Germana Asocio; ĉeestis ankaŭ delegitoj de la Esfio, de la Nederlanda Laborista Asocio kaj kamaradoj el Bohemujo, Hispanujo kaj Rusujo. La tre interesaj raportoj de la prezidantoj Zuckarolli kaj Kaiser pri organizo, propagando kaj lernado estis aprobitaj. Oni pritraktis ankaŭ la demandon pri Internacia Federacio; kamarado van Riesen legis rimarkindan raporton pri tiu temo, kaj oni multe diskutis; oni decidis, ke dum la Esp. Kongreso Pariza en 1914, delegitoj el la naciaj organizajoj kunvenos kun precizaj instrukcioj por solvi tiun demandon.

*Bruselo* (Belg.). — La 6 aprilo okazis en la „Bureau des associations internationales“ kunveno de la delegitoj el ĉiuj Bruselaj grupoj. Oni parolis pri la kongreso en Spa kaj la Genta semajno. — E. H.

*Odessa* (Rus.). — La Societo „Esperanto“ aranĝis la 28 aprilo la unuan balon kun koncerto en la loka teatro „Harmonio“. — P.

— La 18 aprilo okazis la kvina publika monata propaganda kunveno aranĝita de la Odessa'a Societo „Esperanto“ en la ejo de privataj politeknikaj kursoj de S-ro J. J. Hajne. Estis ankaŭ tralegita raporto pri UEA. — P.

*Peterburg* (Rus.). — Per la helpo de la Societo Espero okazis la 8 aprilo esp. vesperfesto kun balo kaj teatro; ĉeestis 200 personoj. — P. S.

*Waltersdorf* (German.). — La fondiĝfesto okazis la 30 marto. — K.

**Esperantiaj kunvenoj.** — *Suda Francujo.* La distrikta kunveno okazis la 23 marto en Toulouse, sub la prezido de D-ro Chalot, anstataŭ S-ro Carles, DD. forestanta. Estis priparolataj kelkaj demandoj koncernantaj la distriktan agadon.

*Krakow.* — La regiona kunveno esprimis siajn dankojn al S-ro Rudnicki, ĝisnuna Del., kaj diskutis demandojn pri loka agado.

**Paroladoj.** — *Bruselo* (Belg.). — La 13 aprilo parolado de S-ro Schoofs el Antwerpen, el kiu rezultis nova kurso. — E. H.

*Coventry* (Angl.). — Dum la konferenco de Mezlanda Esp. Federacio, kiu okazis la 12 aprilo, la Distr. Del., S-ro F. W. Hipsley, faris paroladon pri UEA, ĝia celo kaj ĝiaj servoj. — F. W. H.

*Dijon.* — La Dijona Esperanto-Asocio, Esperantia Asocio, ĵus havis la grandan plezuron akcepti la sesan esperantistan studenton, kiu venis en la Dijonan Universitaton, dank'al la Universitata gvidfolio por lerni la francan lingvon, S-ron Krestanof, kiu intencas loĝi ĉi tie (36, rue Neuve-Bergère) dum eble unu aŭ du jaroj. Li faris la 4an de aprilo publikan paroladon, en Esperanto, en plenega ĉambrego pri Bulgarujo kaj balkana milito. La Del. de UEA resumis france kaj ĉiuj lokaj ĵurnaloj poste publikigis tre afablan raporton, kiu multe konvinkis la publikon pri la utileco de Esperanto por konigi eksterlandajn aferojn. — T. R.

*Groenle* (Nederlando). — La 31 marto sukcesplena paroladvespero de S-ino Van der Vet-Dirksen el Hago. Aŭskultis 70 personoj. — M. M.

*Madrid* (Hispan.). — En kunveno organizita de la Esp. Grupo S-ro J. Perogordo faris propagandan paroladon pri Esp. kaj UEA antaŭ multnombra publiko. Poste sekvis muziko kaj amuza teatraĵo. — V. A.

*Montchanin-les-Mines* (Franc.). — La 15 aprilo parolado de S-ro Decouches, prez. de la Creusot'a grupo, en la urbdomo. S-ro Fléty, urbestro, prezidis la kunvenon; post la parolado 45 personoj fondis novan grupon, kies honora prezidanto estas la urbestro. — D.

*Schaller* (Usono, Iowa). — Responde al peto de la unu sola Esp. en la Cosmopolitan Club de la universitato de Iowa kaj al afabla invito de la sekretario de tiu klubo, S-ro M. J. Pleše, studento el Kroatujo, parolis antaŭ la klubo la 14 marto pri Esp., internaciismo kaj la Cosmopolitan Kluboj. — H.

*S. Fortunato* (Ital.). — S-ro P. Modesto prof. Carolfi parolis la 25 marto en la komunuma teatro pri UEA antaŭ 300 personoj. — C.

*Stuttgart* (German). — En sekcio de Kristana Unuiĝo p-ro Christaller parolis pri Esp. kaj ĝia valoro por ĉiu ajn. — Grava estis por Stuttgart'a Esperanto-Stelo la vizito de S-ro Abdul Baha, ĉefo de la Bahai-movado, la 5 aprilo. Li parolis pri la neceseco de internacia helplingvo, kaj du tradukantoj tradukis la paroladon anglen kaj germanen. Krom la Stel-anoj ĉeestis tiun kunvenon ankaŭ samideanoj el la Stuttgart'a kaj Cannstatt'a laboristaj grupoj, el la Essling'a grupo kaj ankaŭ el la Baha-anoj mem. — C.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro P-ro Pitlik komencis la duan parton de sia peresperanta paroladvojaĝo pri Praha kaj Bohemujo. La 21 aprilo li parolis en *Kolding* (Danujo) antaŭ 130 personoj plejparte membroj de la „Dana Instruista Unuiĝo“, kiu aranĝis la paroladon; S-ro Zoffmann, Del., tradukis. S-ro Pitlik poste paroladis la 25 aprilo en *Odense,* la 28 en *Kopenhag,* la 4 en *Stockholm.* Informoj pri tiuj paroladoj aperos en venonta n-ro. Li parolados poste en *Gefle, Helsinki, Peterburgo, Reval, Dorpat, Kiew, Charkow, Lozovaja.* La Esperantistaj grupoj en Rusujo povas ankoraŭ aliĝi. Adreso: P-ro Pitlik, Jansky vršer 3, Praha III.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Majo* (11-12). — Dana Esperanto-Kongreso en *Aarhus.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura en *Auxerre.*

*Majo* (11-12). — Brita Esp.-Kongreso en *Eastbourne.*

*Majo* (11-12) — Aŭstria Esperanto-Tago en *Graz.*

*Majo* (11-12). — Belga Esperanto-Kongreso en *Spa.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Rodana Esperantista Federacio en *Valence.* — Distrikta kunveno du UEA.

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai.*

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg.* — Distrikta kunveno de UEA.

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

*Aŭgusto-Septembro* (31-2). — Kongreso de italaj Esperantistoj en *Milano.*

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

### Grava Sciigo

La kongreslibro estas nun en presado kaj aperos en la komenco de Julio. Ĝi estos tre interesa pro multaj vere bonaj informoj. Krom la diversaj artikoloj ĝi enhavos la liston de la kongresanoj, kiuj pagis sian kotizon ĝis la 30ª de Junio. Kiu do deziras esti en tiu listo, sendu sian aliĝon antaŭ la nomita dato.

Kelkaj Esperantistoj ŝajnas timi, ke la ĉambroj de kvara klaso ne estas bonaj, ĉar la plejmulto mendas nur ĉambrojn de la tri unuaj klasoj. La Organiza Komitato havas la plezuron povi konstati, ke ankaŭ la ĉambroj de la tria kaj kvara klasoj estas tre puraj kaj kontentigaj. Ni vizitis ĉiujn ĉambrojn kaj povas certigi, ke personoj ne tro postulemaj loĝos tre oportune en la ĉambroj de la tria kaj kvara klasoj.

Plie ni atentigas pri la plezuriga fakto, ke la prezoj de la loĝado kaj manĝado estas pli malkaraj ol ni sciigis antaŭe. Sekve de interkonsento kun la forluantoj ni notas tie ĉi la novajn prezojn:

Prezo por unu ĉambro kun unu lito:

| | Kun matenmanĝo Sm. | Kun tri manĝoj Sm. |
|---|---|---|
| 1ª klaso maksimume | 18 | 25 |
| 2ª „ „ | 14 | 20 |
| 3ª „ „ | 12 | 15 |
| 4ª „ „ | 8.50 | 11 |

Oni konstatos, ke ĉambroj kun tri manĝoj estas relative tre malkaraj. Por ĉambroj kun du litoj la prezo estas ordinare la sama ol por du ĉambroj; kelkaj posedantoj donas en tiu kazo malgrandan rabaton. *Direktanta Komitato.*

### Listo de la kongresanoj (2ª listo)

**Afriko.**

1. Eugène Letord, capitaine, Bureau arabe, *Ain sefra,* Oran.
2. S-ino Letord, *Ain Sefra,* Oran.

**Aŭstrio.**

6. Josef Zlamal, direkt. de lernejo, *Vsetin.*

**Belgujo.**

7. F-ino Marie Posenaer, *Bourgerhout* (Antwerpen), Kronstr. 45.
8. James van Drunen, prof. univers., *Bruxelles,* R. des Champs-Elysées 9.
9. S-ino Augusta van Drunen, *Bruxelles,* R. des Champs-Elysées 9.

**Britujo.**

14. F-ino E. A. Lawrence, *London,* Kingsway, Bankbuildings.
15. Jack Edwards, librovendisto, *Aberystwith* (Wales) Heol Fawr. 13.
16. John Cyprian Rust, pastro, *Soham.*
17. S-ino Rust, *Soham.*
18. George Noble Farmer, *London,* Stock Newington, Queen Elizabeths Walk, 15.
19. Elizabeth Farmer, *London.*
20. Jos. Frank Dinslage, *The Orchard,* Heronsgate (Herts, Angl.)
21. S-ino Dinslage, *The Orchard,* Heronsgate (Herts, Angl.).
22. David Kennedy, *Glasgow* (Scottl.), Ingleby Drwe 134.
23. John J. Boutwood, *Hastings,* Sussex, Angl., Laton Road, Holland House.

**Francujo.**

17. Fernand Doré, *Troyes,* Villa Esperanto.
18. Ivan H. Krestanoff, *Dijon,* rue Neuve-Bergère 36.
19. S-ino Henriet-Nolotte, *Dijon,* rue Chabot-Charny 33.
20. Pierre Marly, *Bordeaux,* rue A. Baysselance 11.
21. S-ino Marly, Ant., *Bordeaux,* rue A. Baysselance 11.
22. S-ino H. Marly, *Bordeaux,* rue Tour de Gassier 7.
23. F-ino Paulette Marly, filino, *Bordeaux,* rue Tour de Gassier 7.
24. Prof. Charles Durie, *Limoges,* Avenue Ernest-Rubey 115.

**Germanujo.**

17. S-ino Marie Hankel, *Dresden,* Nikolaistrasse 18.
18. P. Trarbach, rektoro, *Elberfeld,* Felsenstrasse 27.
19. Dr. Adolf Schmidt, *Potsdam,* Telegraphenberg.
20. F-ino Emilie Ramm, *Georgental* apud Gotha.
21. Paŭl Gottgetreŭ-Difidela, *Hannover,* Herrenstrasse 12.
22. Wilhelm Hoelscher, instr., *Aachen,* Benediktinerstrasse 47.
23. S-ino Gertrud Hoelscher, *Aachen,* Benediktinerstrasse 47.
24. F-ino J. Leser, *Augsburg,* Klinkerbergstrasse 16.
25. Emil Krietzsch, poŝtsekr., *Halle a. S.,* Huttenstrasse 4.
26. Ernst Thiele, prok., *Elberfeld,* Holzerstrasse 31.
27. S-ino Martha Thiele, *Elberfeld,* Holzerstrasse 31.
28. F-ino Bertha Maron, *Berlin,* Ebertystrasse 28.
29. Hans Poensgen, *Düsseldorf,* Schillerstrasse 61.
30. Eduard Becker, pastro, *Bromberg* (Posen), Alte Pfarrstrasse 8.
31. Joh. Tamke, instr., *Stade* (Hannover), Agatenburg.

**Hungarujo.**

1. S-ino Etelka de Ŝator, instr., *Szabadka,* Berĉemystrasse 314.
2. F-ino Luise de Zaray, instr., *Szabadka,* Zentaystrasse 10.

**Italujo.**

3. Pierre Carlo Monti, *Viggu* (Como), Via San Elia 1.
4. S-ino Clarence Bicknell, *Bordighera,* Villa Rosa.
5. Luigi Bollini, *Bordighera,* Villa Rosa.

**Portugalujo.**

1. Rud. Horner, *Lissabon,* Rua das Gaivotas 6.
2. Ernesto da Maya, *Lissabon,* Rua Maria Andrade 49.

**Polujo.**

1. Dr. L. L. Zamenhof, Aŭtoro de Esperanto, *Varsovio.*
2. S-ino Zamenhof, *Varsovio.*
3. Adamo Zamenhof, Dr. med., filo, *Varsovio.*
4. F-ino Sophie Zamenhof, Cand. med., filino, *Varsovio.*
5. F-ino Zamenhof, filineto, *Varsovio.*

**Rusujo.**

5. Dr. K. Ŝidlovski, med., *Moskau,* Malaya Bronnaya 15, kvart. 747.
6. B. Radziminski, *Zaporoje-Kamienskoje,* gub. Jekaterinoslava.

**Svisujo.**

11. Hans Wartmann, *Genève,* Chemin Krieg 5.
12. S-ino Adeline Wartmann, *Genève,* Chemin Krieg 5.

13. F-ino Luise Schwarz, *Basel*, Kohlenberggasse 18.
14. F-ino Olga Pulvers, *Basel*, Dornacherstrasse 154.
15. Jules Wolf, *La Chaux-de-Fonds*, Parc 130.
16. S-ino Wolf, *La Chaux-de-Fonds*, Parc 130.
17. S-ino Schenk, *Rolle* (Vaud).
18. F-ino A. Schenk, *Rolle* (Vaud).
19. A. Caumont, prof., *Lausanne*, Avenue de Rumine 57.
20. E. Krenger, instr. *Utzenstorf*.
21. G. Stroele, instr., *Neuchâtel*, Rue Pierre qui roule 11.
22. S-ino Renée Stroele, *Neuchâtel*, Rue Pierre qui roule 11.
23. Werner Marchand, Dr., *Davos-Platz*, Chalet Paris.
24. S-ino Grace Marchand, *Davos-Platz*, Chalet Paris.

*Gegrupanoj en Bern.*

25. Anderegg, Hotel Gotthard
26. Kurt Burghold
27. Max Burghold
28. Hanna von Kaenel
29. Dora Martig
30. Th. Metzger
31. Berta Rohr
32. J. Schmid
33. E. Spielmann, poŝtoficisto
34. Clara von Waldkirch
35. Emmy Küpfer
36. Jules Perlet
37. Joh. Pérriard
38. F. Aerni
39. Dr. Th. Christen
40. René de Saussure, prof.
41. A. Gerber
42. Jos. Hüssler
43. Sophie Isenmann
44. Emil Joss, instr.
45. Gertrud Krell
46. Israel Rosenberg
47. Max Steiner
48. F. Volmerhausen
49. Marie Wassmer
50. Josephine Wyss
51. J. Olŝvanger, stud. phil.
52. Fritz Merz, bankoficisto
53. S-ino Merz

## DIVERSAĴOJ.

.˙. *Esperanto kaj polico.* — En *Londono* okazas speciala kurso por policanoj kun 31 lernantoj; estis fondita *Londona Esperantista Polica Societo.* — En *Nürnberg* (Bavarujo) jam ekzistas policista grupo de 15 membroj kaj kurso. Ni rememorigas, ke sub la titolo *Internacia Polica Bulteno* ekzistas speciala gazeto por policanoj (Redakcio: Préfecture de Police, Paris), el kiu estas eltirataj la supraj informoj.

.˙. *Esperanto kaj komerco.* — Post varma parolado de S-ro Salvador Albert, deputato ĉe la hispana Parlamento, kiu prezentis Esperanton, la kongreso de la komercaj ĉambroj okazinta en Madrid aprobis la jenan tekston: „La kongreso rekonas la necesecon disvastigi la instruadon de Esperanto“. — K. E.

.˙. *UEA en Londono.* — El la monata raporto de S-ro H. A. Epstein, Ĉef-Del. en Londono, ni eltiras la jenajn ekstraktojn: „Leteroj ricevitaj 97, forsenditaj 108. Servoj. Komerco 6; turismo 1; laboro 1; junuloj 7; diversaj 10.

Inter la servoj estis la jenaj:

„Mi donis al Parizano informojn pri la akcioj de oleo-kompanioj, al sviso adresojn de dungagentejoj por fraŭlinoj, al italo adresojn de fabrikistoj de oleoj kaj grasoj, al Boulogn'ano detalojn kaj prezojn de kusenoj por ĉevalkufoj, al ruso detalojn pri la lana komercado, al germano informojn pri lernolibroj por maŝinskribado, havigis por 2 Knabo-Skoltoj en Hungarujo kaj Francujo adresojn de anglaj Skoltoj por interkorespondado, k. t. p.

„... Alia interesa afero estis rilate al la angla komerca gazeto *Advertising* (Reklamado). Post intervjuo kun la redaktoro, ĝis tiam treege skeptika pri nia lingvo, sed nun tre entuziasma pri ĝi, li petis, ke mi verku specialan artikolon en Esperanto pri la komerca utileco de Esperanto por lia gazeto. Li promesis enpresigi ĝin en la aprila n-ro kaj li intencas dissendi ekzemplerojn al multaj alilandaj firmoj, kun speciala Esperanta cirkulero. Mi verkis tian artikolon, kaj en ĝi pritraktis la diversajn servojn de UEA. Li ankaŭ promesis, ke, se la rezultato de tiu artikolo estos sufiĉe kuraĝiga, li aranĝos enpresigi ĉiumonate esperantan artikolon pri iu speciala fako de la reklamarto.“

Ĵus aperis kvarpaĝa *gvidfolio tra Londono*, kiu liveras plenajn informojn pri ĉiuj Londonaj Esperantaj institucioj kaj enhavas tre utilan planon de la subtera fervojo.

.˙. *Esperanto en Bohemujo.* — Dum la lasta tempo oni povas noti kelkajn rimarkindajn sukcesojn de Esp. inter Bohemoj. Esp. ludis gravan rolon okaze de la oficiala vizito de la Londona urbestraro en Praha 1911; je fino de l'jaro pasinta, kiam la deputitaro de Praha estis gaste akceptita en London refoje prezentiĝis bona okazo por servi al nia afero. La Centra Asocio B. U. E. nomis la Londonan urbestron, S-ron Strong, sia honora membro kaj ĉe festeno prezentis al li diplomon subskribitan de la urbestro de Praha. Memorinda dato por la bohemaj Esp. estis la 9 novembro 1912, la dekjara datreveno de la fondiĝo de unua klubo esp. en Bohemujo. Dum tiuj dek jaroj fondiĝis ĝis nun ĉirkaŭ 50 novaj grupoj kaj la Centra Asocio B.U.E. kun persista organo. Ne estas bezone priskribi la entreprenon de S-ro p-ro Pitlik, kiu aranĝas paroladojn en Esp. pri Praha en la ĉefaj urboj de Eŭropo, ĉar niaj gazetoj jam sufiĉe parolis pri lia sukceso. Inter la multaj eldonajoj ni citas speciale la gvidfolion tra Praha kaj propagandan broŝureton. — C. Ĉ. E. — B. U. E.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Poŝta Esperantisto* (marto). *Zigzage tra Esperantujo* (Pri la Jarlibro de UEA):

„... La materiala valoro de la jarlibro (laŭ kompostado, presado, papero, bindado) estas eble 0,50 Sm. La ideala valoro laŭ enhavo ŝajnas al mi preskaŭ netaksebla. Certe — ekzistas en ĉiuj landoj libroj, kiuj enhavas similajn ĝeneralajn informojn. Sed la valoro de ĉi tiu jarlibro konsistas en tio, ke ĝi enhavas informojn pri ĉiuj landoj. Sur malgranda spaco oni trovas sciigojn interesajn, kiujn ekster tiu ĉi jarlibro ni trovos nur post kelktempa serĉado, kaj kiam oni estos trovinta ilin, ili estos verŝajne ofte ne fidindaj, ĉar ili jam malnoviĝis ...“

.˙. *Le Monde Esperantiste* (marto). *Enketo pri la propagando (respondo de S-ro Raymond Evrot):*

„... Inter la kaŭzoj de malvarbiĝo estas:

1e La troigo. En paroladoj, en konversacioj oni citas troajn ciferojn, neĝustajn informojn; oni prezentas Esperanton kiel morgaŭ venkontan. Sed, enirinte la esperantan movadon, la ĵusvarbito ekvidas la modestan staton de nia afero, kiu ne alĝustiĝas kun la donitaj informoj kaj, disrevigite, li baldaŭ forŝteliĝas el nia movado. Nia propagando, laŭ mia opinio, devas esti pli prudenta, singardema, malrapida, kaj precipe „malblufema“. Ni ne reklamu tro vastajn esperojn kaj planojn.

2e La ara varbado per paroladoj, artikoloj. Ni ĝenerale tro fidas en tiuj varbomanieroj, kiuj varbas al grupo nekonatojn. Ni ne scias, kial ili varbiĝis al Esperanto, kio ilin interesas en nia movado. Ofte ili mem ne scias per kiu flanko Esperanto al ili povas utili aŭ ilin interesi, kaj tiun flankon ni devas plej baldaŭ montri al ili. Sed kiel ni tion faros, se ni ne elkonas ilin sufiĉe intime, se ni ne spertis iliajn propajn karakterojn, aspirojn, idealojn? Plej ofte, ni ne zorge informas ilin, kaj ili baldaŭ, nenion interesan trovinte en nia afero, forlasas ĝin kaj kelkfoje malpropagandas.

3e Nia propagando estas tro ĝenerala. Ĝi ne sufiĉe sin priokupas pri la individuaj bezonoj de l'varbitoj. Nia propagando devas kiel eble plej bone alfariĝi al ĉiuj profesioj, idealoj, t. e. esti faka. Kaj tio povas efektiviĝi nur, se nia propagando estas individua.

4e Varbado per malboninformitaj esperantistoj. Multaj varbemuloj tute ne konas nian aferon, aŭ tre nesufiĉe. Pro tio ili estas devigataj ĝenerale, sendetale, sencifere priparoli; la varbito estas nur ekvarbita; li lernetas Esperanton kaj poste ne revenas en la grupon; li malmulte interesiĝis al nia afero pro nesufiĉa esperantisteco de lia varbinto mem...“

.˙. Favoraj artikoloj aperis en: *Leipziger Neueste Nachrichten* (4 aprilo); *Königsberger Hartungsche Zeitung* (5 aprilo); *Breslauer Morgen-Zeitung* (6 aprilo); *Dresdner Anzeiger* (6 aprilo); *Heilbronner General-Anzeiger* (8 aprilo); *Neues Tagblatt für Stuttgart* (8 aprilo); *Meissner Tageblatt* (8 aprilo); *Ludwigsburger Zeitung* (8 aprilo); *Mülheimer Zeitung* (9 aprilo); *Central-Anzeiger*, Magdeburg (9 aprilo); *Hamburger Fremdenblatt* (10 aprilo); *Neue Vogtländische Zeitung*, Plauen (10 aprilo); *Frankfurter Oder-Zeitung* (10 aprilo); *Danziger Neueste Nachrichten* (10 aprilo); *Dresdner Nachrichten* (10 aprilo); *Nachrichten für Stadt und Land*, Oldenburg (12 aprilo); *Ostdeutsche Rundschau* (15 aprilo); *Journal de la Nièvre*, Nevers (29 marto); *Le Fraterniste*, Doué (4 aprilo); *Le Socialiste Nivernais*, Nevers (5 aprilo); *L'Union Démocratique*, Vendeuvre-sur-Barse (6 aprilo); *L'intérêt Public*, Cholet (13 aprilo); *Réveil Choletais* (13 aprilo); *L'Art Provençal*, Avignon (15 aprilo); *Le Moniteur de l'Oise*, Beauvais (16 aprilo); *Le Petit Niçois* (16 aprilo); *Cromer and North Norfolk Post* (11 aprilo); *Times and Express*, Baildon (11 aprilo); *The Bath Herald* (12 aprilo); *Cheltenham Cronicle* (12 aprilo); *Dublin Evening Mail* (19 aprilo); *A União Social*, Rio de Janeiro (n-ro 5); *A Noite*, Rio de Janeiro (19 marto); *Minerva*, Bukareŝti (11 marto); *Il Corriere Friulano*, Goricia (7 aprilo); *Svoboda*, Kladno (12 aprilo).

## POR LA PROPAGANDO

Por disdonado ĉe la kursoj kiel legmaterialo, por propagando en publikaj lokoj, por afiŝado ĉe Esperanto-Oficejoj kaj ekspozicioj, nenio estas pli taŭga ol n-ro de **„Esperanto“**, kiu pli bone pruvas la vivecon de nia movado ol multaj paroladoj.

Por faciligi la taskon de niaj propagandistoj, ni decidis vendi je tre malalta prezo *propagandajn pakaĵojn* enhavantajn *25 ekzemplerojn* de **„Esperanto“.** (El la jarkolekto *1913*.)

Tiuj propagandaj pakaĵoj estos sendataj afranke po **1.25 fr.** (0.50 Sm.), per poŝtmandato, respondkupono, transpagilo aŭ konto de UEA.

Ni esperas, ke multaj propagandistoj uzos tiun favoran kaj mallongdaŭran okazon, akirante je tia malalta prezo utilan propagandmaterialon.

**Administrejo de „Esperanto“**
10, rue de la Bourse, Genève.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 16.250 |
| 63. D-ro A. Mulert, Hemsbach (Germanujo) | 125 |
| 64. Sevilja Esperantista Grupo | 125 |
| 65. R. H. Moody, Burma | 125 |
| Transporto | 16.625 |
| Transporto | 16.625 |
| 66. E. da Maya, Lisboa | 125 |
| 67. F-ino M. E. Milnev, Leek (Anglujo) | 125 |
| 68. A. Rodionov, Baku (Rusujo) | 125 |
| Frankoj | 17.000 |

Entute (ĝis la 25 aprilo) 68 Garantiantoj mendintaj 136 atestojn, valoro 17.000 frankoj (6800 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Gvidfolioj.** — Pro ĝenerala pliiltigo de la preskostoj ni estas devigataj modifi la tarifon por la presado de la gvidfolioj kiel sekvas:

Unua milo (du paĝoj) fr. 17.50 (7 Sm).
Sekvantaj miloj (po milo) fr. 12.50 (5 Sm.).
Tiu nova tarifo estas aplikebla de la 1o majo 1913.

**Propagando.** — Ni dankas la multnombrajn Delegitojn, kiuj tradukis kaj aperigis en siaj lokaj gazetoj la alsenditan propagandan artikolon pri UEA kun notoj pri la statistiko de ĝiaj servoj.

Dum majo la Centra Oficejo de UEA sendos la Oficialan Jarlibron kun klariga cirkulero en nacia lingvo al certa nombro de internaciaj gazetoj kaj institucioj por propaganda celo.

**Korekto.** — Sekve de malĝusta preskorekto (tro longa streko!) en la artikolo pri *Rusujo* aperinta en la *Oficiala Jarlibro* 1913 (paĝo 271), ĉe la rubriko „Loĝantoj“, la nombro de la poloj mankas. Oni do bonvolu aldoni: *poloj 9,1 milionoj*, kaj nin senkulpigi je tiu tute senvola manko, forigota ĉe la venonta eldono.

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la okan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro, 5, 20 februaro, 5, 20 marto kaj 5 aprilo.)

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de voĉdonintoj. La kursivaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

CORDOBA. — 28; 25. — D: *Linares* 20 E; de Tapia 1. — VD: *Franquelo* 24 E; de Tapia 1. Ĉar S-ro Linares ne akceptis reelekton, okazis dua balotado kiu donis la jenajn rezultatojn: D: de Tapia 28 E.

KRAKOW 55; 33. — D: *S. Rudnicki* 33 DE. — VD: J. Alfus 29 E; J. Medrkiewicz 2; Czubrynski 1.

STUTTGART. — 83; 18. — *A. Haeussler* 18 E; — VD: *P. Christaller* 18 E.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 788 personoj inter 3029.

**Profesia statistiko de la Delegitoj.** — Unu el niaj fervoraj Delegitoj, S-ro F. Kober, el Warnsdorf, faris statistikan tabelon de la profesioj de la Delegitoj, Vicdelegitoj kaj Subdelegitoj de UEA laŭ la *Oficiala Jarlibro* (eldono 1913). Jen la rezultatoj de tiu laboro. Malgraŭ niaj admonoj, kelkaj Delegitoj ne ankoraŭ konigis al ni sian profesion.

Malgraŭ tio la subaj ciferoj liveros sufiĉe ĝustan ideon pri la okupoj de niaj diversaj reprezentantoj:

**Instruado** (167):

| | |
|---|---|
| 99 instruistoj | 17 instruistinoj |
| 51 profesoroj | |

**Komerco kaj Industrio** (207):

| | |
|---|---|
| 98 komercistoj | 37 komercoficistoj |
| 12 agentoj | 22 bankoficistoj |
| 5 prokuristoj | 10 asekuristoj |
| 15 librotenistoj | 8 industriistoj |

**Ŝtat- kaj publikoficistoj** (137):

| | |
|---|---|
| 17 ŝtat- kaj urboficistoj | 24 militoficistoj |
| 26 poŝtoficistoj | 41 fervoj- kaj ŝipoficistoj |
| 3 policoficistoj | 12 sekretarioj |
| 9 dogan- kaj impostoficistoj | 5 skribistoj |

**Diversaj profesioj** (265):

| | |
|---|---|
| 6 notarioj | 3 drogistoj |
| 23 advokatoj | 10 dentistoj |
| 17 pastroj | 5 ĥemiistoj |
| 7 jurnalistoj | 8 desegnistoj |
| 6 redaktoroj | 3 fotografistoj |
| 4 verkistoj | 2 artistoj |
| 42 studentoj | 7 muzikistoj |
| 40 kuracistoj | 10 meĥanikistoj kaj teknikistoj |
| 29 apotekistoj | 43 inĝenieroj |

La Esperantianoj, kiuj deziras scii la adresojn de la Delegitoj el ia el la supre nomitaj profesioj bonvolu sin turni kun internacia respondkupono aŭ respondpoŝtkarto al S-ro F. Kober, Warnsdorf VIII/1200 (Bohem., Aŭstrio).

### Novaj Delegitoj.

*Aarhus* (Danujo). — VD.: E. A. Etzerodt, 29, Ostergade.

*Kamienskoje-Zaporoje* (Ruslando, Jekaterinoslava gub.). — VD.: Laganodski.

*Kraków* (Aŭstrio, Galicio). — VD.: Alfus J.

*Learnington-Spa* (Anglujo). — D.: C. F. Horncastle, 142, Parade.

*Meaux* (Francujo, Seine et Marne). — D.: Petro Varnier, 40, Avenue de la République.

*Pékin* (Ĥinujo). — VD.: M. A. Ĝen, 40, Shih-fan-yùao, Nanhsiao-chih.

*Suursaari* (Finlando). — D.: Emilo Elenius.

*Veghel* (Nederlando). — SD.: Antoon Winters Hoogstraat, B 28.

### Ŝanĝoj.

*Arnhem* (Nederlando). — D.: Johannes Ket, 138, Antonie Laan.

*Weinböhla* (Germanujo, Saksujo). — D.: Artur Sohrmann, Kronprinzenstrasse 5.

### Rimarkoj.

*Kiev* (Rusujo). — La Delegito S-ro L. Illaŝeviĉ revenis.

*Vevey* (Svisujo). — Foresto de l'Delegito pro malsano.

### Eksiĝoj.

*Bodenbach* (VD.: Tiedchen); *Genova* (VD.: Bacchi).

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *A. Sabadell,* Del. en Barcelono, tre dankas S-ron D-ron Chalot, Del. en Toulouse, pro lia afabla akcepto ĉe la stacidomo.

.·. S-ro *H. Pœnsgen,* Subdel. en Kaiserswerth, dankas S-ron Maresquelle, Del. en Nancy, S-rojn Villaume kaj Krejterkraft, el Nancy, pro ilia afabla akcepto.

.·. S-ro *P. Novohradsky,* Del. en Plzen, kore dankas al la Esperantista Unuiĝo en Wien, al la Württemberg'a Esperanto-Instituto kaj al S-ro D-ro Sos, Del. en Wien, pro ilia granda afableco kaj oferemeco, per kiuj ili helpis al li en propagando de Esperanto en Plzen.

.·. S-ro *C. Martin,* Esp-iano en Chatelmontagne (Francujo), tre dankas S-ron Seriŝev, Del. en Krasnij Jar (Siberio) pro lia afabla servo.

.·. S-ro kap. *L. Illaŝeviĉ,* Del. en Kiew, kore dankas S-ron Sos, Del. en Wien, kaj F-inon H. Mayrleb, sekretariinon de la virina sekcio en Wien, pro ilia afableco kaj kompleza helpo, dum lia vojaĝo kun edzino.

.·. S-ro *V. Palakov,* Esp-iano en Kamiŝin (Rusujo), esprimas al S-ro Durieux, Vicdel. en Lille, sian koran dankon pro la alsendita kolekto de adresoj.

## Informo

S-ro Alberto Gómez Cruz, Del. Guadalajara (Meksikujo), informas, ke la meksika milito jam malaperis, kaj oni povas sin turni al li pri ĉiuj informoj komercaj, esperantaj kaj politikaj.

## Atentu!

**Unu el niaj Delegitoj petas nin enpresi la suban averton:**

Pravege, la regularo de UEA malfermesas, ke la Delegitoj faru iajn servojn.

Ĵus okazis, ke Delegito en grava urbo ricevis petservon tute specialan: Esperantiano [?] (kiu aliparte ne montras la n-ron de sia karto) petas, ke oni helpu lin por esti dungata de registaro, en fako, kiu tuŝas la fakon militan.

Tiaj petoj povas rilati al spionado. La Delegito dirita *ne volas respondi* pri ili. Li bruligis la leterojn, donacis al mizerulo la sumon ricevitan per poŝtmarkoj (Sm. 0,20) kaj konsilas al ĉiuj Delegitoj tiel agi en tiu okazo, eksterordinare danĝera.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝoj.** — S-ro J. Hebky, Esp-iano el Praha, nun loĝanta en Peterburgo, fianĉiĝis kun F-ino J. Hirszovski, filino de Varsovia Del. Li konatiĝis kun ŝi dum sia piedvojaĝo el Praha al Peterburgo aŭtune 1912. Ankoraŭ unu fianĉiĝo per UEA!

— S-ro A. R. Orn, Vicdel. en Gefle (Svedujo) kun F-ino Schulda Boberg.

**Edziĝo.** — S-ro Sumfizo kaj F-ino J. S. Uan, geesp-ianoj el Shanghai.

— Antaŭ kelkaj tagoj okazis en St-Etienne la edziĝo de S-ro Grangette kun F-ino Perche, du sindonemaj esperantistoj; tre baldaŭ la junaj geedzoj aliros Brazilujon en Bahia, kie S-ro Grangette akiris belan situacion dank' al UEA kaj al la afableco de la Delegito en tiu lasta urbo.

**Morto.** — La senkompata morto forprenis la koron de nia Magdeburga esperantistaro, nian karan amikon kaj nestoron en nia rondo, S-ron Otto Græger. Vortoj ne sufiĉas plene priskribi tian maloftan homon. Lia karaktero estis preskaŭ perfekta, neniu el ni, liaj amikoj, havis iam okazon rimarki makulon ĉe la mortinto. De post komenco de l'Esperanto-movado en nia urbo, li estis fervora ano de nia afero kaj senĉesa varbanto kaj batalanto por UEA. Lia sperto en ĉiuj aferoj precipe en Esperanto fariĝis la neelĉerpebla fonto por liaj lernantoj, kiujn li gajnis ĉiam jam post mallonga interkonatiĝo kiel amikojn. Li posedis la sekreton, siajn kursanojn kune restigi eĉ post finita kurso.

La enterigo okazis en la proksima vilaĝo Barleben, kie la mortinto posedis bienon. En la nigre drapirita salono de la kelkcentjara kavalirdomo okazis la funebra parolado. Esperantista amiko estis la predikanto, kaj li tuŝis kelkfoje Esperanton en sia impresa parolado. La enterigo okazis en la familia maŭzoleo, kiu atendis la mortinton kiel la lastan de lia gento. Sur la ĉerkon liaj esperantistaj geamikoj metis tie belegan florkronon kun rubandoj, havantaj artepentritajn stelon kaj tekston.

Nin neniam forlasos la bela sunhela memoro de la mortinta amiko, ĝi lumos belege en niaj koroj! Tiel li vivas kaj tiel li estos vivanta, ĝis kiam restos neniu jam plu, kiu lin konis en vero! — *F. Rockmann.*

# Alvokoj.

## Peresperanta paroladvojaĝo pri Hungarlando

Por disvastigi konojn pri nia kara patrujo, pri ĝiaj mirindegaj naturaj belecoj en Karpata montaro kaj en vastaj kampoj de Alföld, pri nia febre pligrandiĝanta, belega ĉefurbo Budapest, pri nia socia, interesa popola vivo, kutimoj, pri niaj tagon post tago pli kaj pli graviĝantaj komerco, industrio, agrikulturo, pri niaj internaciaj rilatoj, pri niaj spiritaj movadoj kaj aliaj rimarkindaĵoj mi entreprenos grandan vojaĝon. Por atingi pli intimajn rilatojn de hungara produktema, vigla, sana nacio kun ĉiuj partoj de la mondo, por atingi tiujn celojn, nenia lingvo, nenia organizaĵo estas tiel taŭga kaj ĉie helpa, kiel nia Esperanto!

Kun kunlaboro de en- kaj eksterlandaj samideanoj mi intencas diskonigi Hungarlandon ne nur en eŭropa eksterlando, sed en ĉiuj partoj de la mondo, kie vivas esperantaj amikoj.

Do proksimume je la fino de junio de ĉi tiu jaro, mi komencos — eble dekok monatojn daŭrontan — peresperantan mo ndvojaĝon Francujon mi forlasis post la francnacia esperanta kongreso en Toulouse, por ke mi povu prepariĝi dum tri monatoj por la anoncata vojaĝo. Por tiu mi bezonas kolekti la plej gravajn, por alilanduloj plej interesajn datojn de hungara historio, geografio, etnografio, turismo, urboj, komerca, industria, agrikultura stato, esperantismo k. t. p., k. t. p. Mia parolado estos akompanata de kelkcent bone elektitaj, artaj kliŝoj por lumbildoj, eĉ filmoj kinematografaj.

En ĉi tiu zorgoplena, malfacila prepara laboro, helpo de ĉiu samideano efike antaŭenpuŝos la aferon. Tre volonte mi akceptos ĉiun bonan konsilon, kliŝon aŭ iun ajn apogon. Ĉar tiu estas komuna afero por ĉiuj sam- kaj eksterlandaj gesamideanoj, ĉiu rajtas doni sian opinion, fari proponon.

Celo mia estos ne nur diskonigi Hungarlandon, sed samtempe kolekti datojn, fotografaĵojn, kliŝojn, artikolojn de ĉiu regiono, kiun mi trapasos, kunigi ĉiun rimarkindaĵon atingotan dum la unua peresperanta vojaĝo tra la tuta mondo, prezenti ilin en formo de paroladoj, en unu bela verko al miaj samlandanoj, al granda Hungarlando, eĉ al tutmonda esperantistaro.

Mia intencata vojdirekto estas antaŭ la Berna kongreso: Francujo, Anglujo, Germanujo; post la Naŭa: Svisujo, Hispanujo, Portugalujo, Italujo, Nordafriko kun Egiptujo, Sirio, Orienta Afriko, Hindujo, Duoninsulo Malakka, Orienthindaj Insuloj, Suda- kaj Orienta Aŭstralio, Ĥinujo, Japanujo, Azia Rusujo, Eŭropa Rusujo kun Finlando, Svedujo, Norvegujo, Danujo, Nederlando, Belgujo — Pariza kongreso. Post la Deka: Canada, Usono, Meksikujo, aliaj Centraj Amerikaj landoj kun Okcidenthinda Insularo, Venezuela, Kolombo, Ekvator, Peruo, Ĉilio, Argentinto, Urugvajo, Brazilio, Grekujo, Turkujo, Bulgarujo, Rumanujo, Serbujo, Hungarujo.

Tiu ĉi ĝenerala programo eble ŝanĝiĝos iomete laŭ neceso, laŭ proponoj, laŭ organizado de la vojaĝo.

Tiu entrepreno povos iĝi — ŝajnas al mi — epokfaranta en la vivo de nia hungarlanda movado, kaj grava sukceso devas akompani ĝin, se ĉiu samideano apogos ĝin laŭ ebleco.

Oni bonvolu sendi ĉiun demandon al: Keleti L., Szászsebes (Szeben vm.), Hungarujo, kiu restas mia ĉiama adreso. Aliflanke mi almenaŭ 2 monatojn estados en Budapest, por preparado de mia vojaĝo.

Detalajn informojn pri stato de organizado mi donos en venontaj numeroj de „Esperanto".

Tiamaniere do oni faciligas interŝanĝon de konoj, starigon de spiritaj, turistaj, komercaj rilatoj inter ĉiuj popoloj kaj ĉiuj landoj reciproke!

*Ludoviko Keleti.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AYDIN (Azia Turkujo). — S-ro Abraham Gabaï, PM. PK.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI. PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Aleksandro Fekete, IV., Bécsi-utca 2, PM. PI.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Schnébli Janos, Poste restante, PI.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Johano Mészaros, Masony-u. 8.

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Stefano Géri, VII Also Erdösor No. 32-I/11, PI. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — F-inoj Elisabeto Hofmann kaj Margareto Hofmann, VII Muranyi-utca 34, III/37, PI. (kun sinjoroj).

CLEVELAND (Usono, Ohio) — S-ro Stanley Kozminski, 3422 Seymour Ave.

CLOT (Hispanujo, Barcelona). — F-ino M. Perich, Promenejo Meridiana 115-2o-1a, PI. (kun ĉiuj landoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DRESDEN (Germanujo). — La anoj de 3 kursoj, inter ili multaj instruistoj (kun negermanoj). Adresu F. Thiel, Weidentalstr. 20.

EGER (Hungarujo). — F-ino Eliz. de Pethö, 7 str. Bahtai, PI. (kun ĉiuj landoj).

ERZSÉBETFALVA (Hungarujo). — S-ro Stark Dezsö, Erzsébetstrato 11, PI.

FIRMINY (Francujo, Loire). — S-ro Caleyron Marius, rue Sadi-Carnot 28, PI. bfl. (kun ĉiuj landoj).

FÜRTH (Germanujo, Bavarujo). — S-ro A. Königer, Winklerstrasse 29, PI. bfl. (kun alilanduloj, precipe neeŭropanoj).

HRONOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Turek, PK. PI. PM.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, PI. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KIEV (Rusujo). — S-ino Olga Kozakeviĉ, Karavajevskaja 29, kv. 5, PI. kaj prefere PM.

KOLOZSVAR (Hungarujo. — S-ro Emeriko Kóka, poŝtdirekcio, PM. (atendas unuan sendaĵon).

KOLOZSVAR (Hungarujo). — S-ro Otto Amon, poŝtdirekcio (esp. afiŝoj, glumarkoj, gazetoj).

LEIPZIG (Germanujo). — S-ro Ernst Philippi, Langestr. 41 b III, PI. bfl. (kun ĉiuj landoj).

LUDWIGSHAFEN a. RH. (Germanujo). — S-ro Karl Mohr, Anilinstrasse 11 b, PI. L. (kun ĉiuj landoj).

MLADA BOLESLAV (Bohemujo). — S-ro Zaroslav Michal, Villa Kolonie 153, ĉisto dveri 2.

MONTBÉLIARD (Francujo). — S-ro Chrarles Damade, rue Louis Pardonnet (interŝanĝas aŭ aĉetas papiliojn eŭropajn kaj ekstereŭropajn).

MOUHIJÄRVI (Suomi). — S-ro Ilmari Manner, Instruisto, PI. (kun ĉiulandaj sam.), L. (nur kun kolegoj el ĉiuj landoj).

NAGYKÖRÖS (Hungarujo). — S-ro Peczeli Antal, IV ker. No. 229, PI.

NOTTINGHAM (Anglujo). — S-ro Claud Stanley, 5 Brierley Terrace, Brierley st , PK.

NOVY SACZ (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Edvard Izdebski, str. Kolejova 870, PI. (kun italoj, angloj, neeŭropanoj).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Ĉerkasskaja 27, PM. Sigelmarkoj, L. (kun filatelistoj).

OVERBROOK (Usono, Pa.) — S-ro C. Wayne Vogdes, St. Charles Seminary, PI.

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Juan Urgelles, 56, Apuntadores, PI. PM. L.

PÉKIN (Ĥinujo). — S-ro Pierre Gemine, Légation de Belgique, Pl. bfl. (tre belaj, kun ĉiuj landoj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Manoel da Silva Carvalho, Rua de S. Braz 209, Pl. bfl. (kolorigitaj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Candido Madeira, Rua das Fontainhas No. 157, Pl. bfl. (naciaj kostumoj kolorigitaj).

PRÉ SAINT GERVAIS APUD PARIS (Francujo). — S-ro Cibie, rue de la Villette, Pl.

ROCKFORD (Usono, Ill.). — S-ro Gust. Bohman, Box 1581, E. Rockford St., Pl.

ROCKFORD (Usono, Ill.). — S-ro Herman Hallström, 917, E. State St., Pl.

ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro Lucien Ravily, 36, cours Ragot, Pl. (kun ĉiuj landoj).

ST-ETIENNE (Francujo, Loire). — S-ro Jean Tranchand, 44, Boulevard Valbenoite, Pl. (kun ĉiuj landoj, se eble kun Afriko).

ST-OMER (Francujo, Pas de Calais). — 60 junuloj, Pl. (Adresu la unuan karton al S-ro Delezoide, 59, rue Guillaume Cliton.)

TEPLITZ-SCHONAU (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rudolf Fischer, studento, Theresiengasse 16, Pl, (precipe kun fraŭlinoj).

TORELLÓ (Hispanujo, Barcelona). — Grupo Nova Harmonio, strato Nueva 74, Pl. (kun ĉiuj landoj).

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrio). — S-ro Carl Fischer, Kreditanstalt, Pl. PM. oficial. PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

WARNSDORF (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Eduard Liebisch, kasisto de la I-a Germ. Esp. Grupo, n-ro 1795/V, Pl. (kun ĉiuj landoj).

WISLA (Aŭstrio, Silezio). — S-ro Pilch, Pl. L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO. S-ro FR. FLECK, ĝisnuna ĝenerala sekretario ĉe UEA, pro eksiĝo el sia ofico petas ĉiujn gekorespondantojn, ke ili bonvolu adresi personajn leterojn al la nova adreso: *München, Türkenstrasse 96 (Germanujo).* Korespondaĵojn por UEA oni bonvolu adresi sen aldono de nomo.

ALBUMOJ. — J. Neybergh, 151, Avenue de Jette, Bruselo, deziras albumojn de vidkartoj de grandaj urboj aŭ belaj montaroj. Li interŝanĝos aŭ albumon de Bruselo aŭ PM. je egala valoro laŭ deziro.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller,* 21, rue de Lorrraine, *Baune,* Côte-d'Or, Franclando.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

HUNGARA PROFESORO volas dum julio-aŭgusto eliri Francujon aŭ Svisujon lerni la francan lingvon. Kiu protestanta pastro aŭ profesoro akceptus lin? Proponojn elmontrantajn la kondiĉojn oni sendu al profesoro Banoczy, Hungarujo, Nagykörös.

JUNA GERMANA KOMERCISTO, konanta ĉiujn oficajn laborojn, kiu ankaŭ parolas kaj skribas angle kaj esperante kaj scias stenografi, serĉas okupadon kiel librotenisto, korespondisto, ekspedisto aŭ simila. Li jam laboris dum kelkaj jaroj en granda ekspedejo kaj asekurejo. Proponojn sendu al S-ro Willy Bratfisch, Dresden-N. 17, Radebeulerstr. 8/II.

NATURADORANTA junulo serĉas familion en Svisujo aŭ ĉe marbordo en bela kaj sana loko. Kiu akceptas lin kiel pagantan gaston de 15 junio ĝis 15 septembro. Adreso: Ludoviko Ihasz, Budapest I, Bors str. 5 (Hungarujo).

NATURSCIENCA INSTITUTO DAVOS-DORF invitas ĉiujn geprofesorojn, studantojn, naturamantojn, dezirantajn studi la Alpan klimaton, geologion, kreskaĵojn, bestojn, insektojn k. t. p. kaj ĝui samtempe belegan kuraclokan ĉirkaŭaĵon. Laborejo, biblioteko, faka instruado, en lingvoj germana, angla, franca, esperanta. Skribu pri kiu fako vi interesiĝas kaj petu kondiĉojn de D-ro W. Marchand, Davos-Dorf.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO